XXII^a jaro. N° 311 (7) ☆ Monata ☆ Julio 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

**Simpla abono** . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.

**Kun la membreco de UEA** . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.

**Unu numero** . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

☆

REKLAMO

**Anonco** (unu centimetra kolonero) . . . . . 2.50 Fr. Sv.

**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.

**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.

ENHAVO

*Antaŭ Edinburgo,* Edmond Privat (133)

**Literaturo:** *„Bonan matenon, sinjoro prezidanto",* Georgo Saville (134). — *En Maroko,* P. Carrière (135). — *Virkapro de leono kaj kaprino de leporo,* Gomes Freitas (135). — *Malgranda princino,* Jovan Dučič (135). — *Tra la libraro* (136). *Novaj libroj* (136). — *La Biblio en Esperanto,* W. M. P. (137). *Eduka paĝo de l' Instituto J.-J. Rousseau* (138). — *Miranda,* Antonio Fogazzaro (138).

**Tra la mondo esperantista:** *Naciaj kongresoj* (139—140). *Lingva Komitato* (140). — *Kroniko* (140—144). — *En kelkaj linioj* (144). — *Gazetara Servo* (145). — *Esperantista vivo* (145). — *Niaj mortintoj* (145). — *Plendoj* (146). — *Redakcia noto* (146). — *Reklamoj* (146—148)

## Antaŭ Edinburgo.

Post kelkaj tagoj kunvenos en Edinburgo nia ĉiujara universala kongreso. Duan fojon esperantistoj ĉiulandaj renkontiĝos sur brita tero. En Cambridge en 1907 ili konatiĝis kun la angla vivo. Tiun ĉi someron ili ekkonos la skotan. En la lando de la persistemo nia kongreso ekzamenos la rezultatojn de lastjara laborado kaj la planojn por la venonta.

La granda nuna bezono estas preparo de bonaj instruantoj de nia lingvo. Kiam venas ŝtataj decidoj por enkonduki nian lingvon en lernejojn, ĉu ni estas ĉiam pretaj havigi la taŭgan personaron? Ankaŭ ni urĝe bezonas seriozan plibonigon de la ordinara instruado en kursoj kaj dokumentan materialon pri la necesa nombro de lecionoj, la rezultatoj antaŭvideblaj ktp.

Laŭ mia vido la venontjara tasko devos ĉefe tuŝi la tutan instruan demandon. La Internacia Instituto de Esperanto nun reorganiziĝas sub gvidado de I. C. K. kaj komencos per ekzamenoj en Edinburgo. En Danzig ĝi malfermos veran programon de superaj kursoj por instruantoj kaj veraj kulturantoj de nia lingvo.

Ankaŭ necesas laŭmetode mezuri la rezultatojn de kursoj kaj alveni je sciencaj nediskuteblaj konkludoj pri la facileco de Esperanto por infanoj kaj plenaĝuloj laŭ diversaj gradoj de klereco, inteligenteco kaj nacilingveco.

La internacia pedagogia Instituto J.-J. Rousseau, sub gvidado de prof. Bovet deziras fari seriozan enketon pri tio interkonsente kun la usona samcela Teachers' College (Instruista Kolegio). Oni atente legu la klarigan artikolon de prof. Bovet pri tio en tiu ĉi numero de nia gazeto je paĝo 138. La kongreso en Edinburgo povos diskuti la eblecon ĝeneraligi tiun mezurilan eksperimenton al ĉiuj niaj kursoj en la tuta mondo venontan aŭtunon. Ĝi estas tre grava afero por nia movado kaj povos alporti tre grandan utilon, se famaj sciencaj institucioj sukcesos, kun nia helpo, akiri senpartian kaj aŭtoritatan juĝon pri la kompara lernebleco de Esperanto kaj de ceteraj fremdaj lingvoj.

Ni varme rekomendas tiun tutan aferon al la atento de ĉiuj societoj kaj grupoj. Ĝi estu la unua punkto sur tagordo de iliaj aŭtunaj kunvenoj, same kiel ĝi estos unu el ĉefaj temoj de niaj diskutoj en Edinburgo.

*Edmond Privat.*



# LITERATURO



## „Bonan matenon, sinjoro prezidanto"

de *Georgo Saville.*

Li estis maljuna farmisto de ŝtato Iowa; li aspektis kiel multaj aliaj farmistoj: malrapidema, distorditaj manoj, okulvitroj, ŝelkoj, akra nazo, blankaj lipharoj, bluaj suspektemaj okuloj, mallertaj ŝuoj, kaj naza, ĉiam plendanta voĉtono. Li estis en vagonaro celanta al Vaŝingtono.

„Kiam ni atingos la ĉefurbon, portisto?" li demandis, la kvindekan fojon rigardante sian arĝentan bulboforman horloĝon.

„Morgaŭ matene je la sepa, mastro," diris la negro.

„Dankon". La Iowano fermis sian buŝon pli firme; sed lia koro pli rapide ekbatis.

Sepan horon matene! Post ĉiuj tiuj jaroj! Kaj je la deka horo li estos vicestaranta en la „Blanka Domo"*) kaj ekpremos la manon de l' prezidanto! Mia Dio! Steloj kaj serpentoj!, la nura penso sufiĉas, por ke koro usona ekbatu!

„La kongresano**) de mia distrikto aranĝis ĉion", la maljunulo fiere konfidis al alia maljunulo en la fumoĉambro. „Mi ekpremos la manon de l' prezidanto. Jes sinjoro, tiun momenton mi atendis kvindek jarojn".

Poste li rakontis pri sia patro, kiu manpremis prezidanton Grant, kaj kiel tio estis la plej fiera memoraĵo de lia vivo. Li fariĝis pro tio eminenta membro de la komunumo; li eĉ gajnis la elekton por urba ĉefpolicano.

„De post kiam mi estis dekjara knabo, kaj aŭdis mian patron paroli pri prezidanto Grant, mi ĵurpromesis veturi al Vaŝingtono kaj fari la samon, kion li faris, eĉ se ĝi kostus mian lastan cendon", diris la maljuna Iowano. „Mi certigas vin, ke ĝi estos la plej fiera momento el mia vivo. Mi alproksimiĝos al li, manpremos lin tiamaniere, kaj nur diros kelkajn vortojn: Bonan matenon, sinjoro prezidanto, dum la pasintaj 40 jaroj mi voĉdonadis ĉiam por la Respublikana Partio!"

„Li estos feliĉa aŭdi tion," diris la alia maljunulo. „Ĉi tiu lando bezonas pli grandan nombron da Respublikan-Partianoj. Mi divenas, ke la ekskurso de Iowa kostas al vi konsiderindan sumon, ĉu ne?"

„Ĝi valoras ĉiun cendon. Valoras ĉiun cendon, kiun oni havas," akratone respondis la Iowano.

Fakte, la ekskurso kostis ĉiun cendon, kiun li havis. Li estas tro maljuna por labori, kaj *lia* farmbieno ne estas lia, ĝi estas ĝis la limo hipotekita. Lia edzino mortis antaŭ kelkaj jaroj, ŝi falis kvazaŭ trolaborigita besto en jungilaro. Liaj du filoj forkuris el la farmbieno pro trolaborego, kaj li neniam aŭdis pri ili. Li kondukas sklavo-farmon kie li mem estas la ĉefa sklavo. Nun li estas elĉerpita, maljuna, kaj senhava, sed por gloro li premos la manon de prezidanto!

Tio-ĉi rekompencos pro ĉio: pro la sklavecaj jaroj, pro nescio kaj izoleco, pro la avaraj jaroj kaj pro la malnoblaj — la malgrasaj jaroj, pro la monelpremigaj jaroj, kiuj mortigis lian edzinon, forpelis liajn filojn, kaj distordis kaj ruinigis lian korpon. Jes, ĝi estos valora.

(Tiamaniere jenkioj *) pensas. Ili malestimas la reĝojn kaj la eluzitajn eŭropajn adorantojn de reĝo Georgo, imperiestro Vilhelmo aŭ reĝino Mario. Sed ili ĉiuj suferus malsaton, nudecon kaj malvarmon por ekpremi la manon de l' prezidanto. Jes, nenio konkreta estas gajnita, oni ne fariĝas pli saĝa, pli nobla, eĉ ne pli riĉa per tiu ago, sed ĝi kontentigas ion en la animo jenkia. La lakeon en ĝi, eble. Aŭ ion romantikan, aŭ la malbenitan malsaĝecon. Mi ne povas ĝin diveni. Sed mi scias, ke la maniero, per kiu oni povas korupti lojalan laborist-gvidanton, estas: permesi al li ekpremi la manon de l' prezidanto. Tiu ĉi artifiko funkcias egale bone kun negro-gvidantoj, subpremataj bankrotitaj farmistoj, trust-subigitaj komercistetoj kaj la klub-sinjorinoj, kiuj ĝentile agitas por la forigo de infanlaboro kaj similaj aferoj. Ili ĉiuj cedus kaj cedas la lastan honor-fibron por la privilegio de manpremo prezidanta. Divenu la kialon vi mem; mi devas konfesi mian malkapablecon.)

La vagonaro atingis Vaŝingtonon. La kongresano atendis ĉe la stacidomo la Iowa'n farmiston kaj gvidis lin al la Blanka Domo. Tie li trovis mil aliajn jenkiojn, kiuj atendis por manpremi kun la prezidanto. Tio mirigis lin, ĉar li revis en sia soleca farmbieno pri ia sankta kaj unika momento.

Post kvarhora kaj kvindekjara atendo lia vico fine venis. Li estis subite puŝita de malantaŭe; li ektuŝis malvarman gluecan manon kaj ekvidis fiksecan prezidantan rideton kaj nebulaĵon de redingoto. Subite li troviĝis en vestiblo, konfuzita, inter mil aliaj konfuzitaj jenkioj. La tuto daŭris sekundon, tiu plenumiĝo de tutviva sopirado.

„Mi eĉ ne havis ŝancon diri al li, ke mi voĉdonadis dum kvardek jaroj ĉiam por la Respublikan-Partio," la maljuna Iowano malforte plendis al alia jenkio; ili elpaŝis al la razeno, kaj ĝentile kvankam firme elpelis ilin grasaj detektivoj.

Jen la tuto de la rakonto. Tamen mi devas aldoni; ke la maljuna farmisto mortis ses monatojn poste; nenio grava mankis al li, la kuracisto diris, sed ŝajnis, ke li perdis sian tutan interesiĝon al la vivo. Nenio alia, vivinda restis por li.

*) La oficiala loĝejo de usonaj prezidantoj.

**) Kongresano = Ano de la Usona Kongreso = parlamento.

*) Jenkio = Yankee, amerikana patrioto.

## En Maroko.

### Mia kombisto.

Mia kombisto estas mezaĝa homo. Mi iris al lia kombejo lokita apud la moskeo. Tiu moskeo estas beleta, ĝi plaĉas multe al mi, ĉar ĝi estas trankvila en la mezo de nia vilaĝo, bone blankŝmirita apud ruinoj de iama kastelo kaj en ĉirkaŭaĵo de mirindaj ĝardenoj kie kreskas en la akvo kaj sub la suno oranĝ-, granat- kaj migdalarboj, kaj figarboj kun ilia ombro ne penetrebla por la suno.

Tuj post tagmezo mi eniris ĉe mia kombisto kie mi trovis sur la matoj homojn paroladantajn pri nunaj aferoj aŭ rakontantajn mirindajn feajn historietojn; inter ili estis unu el miaj konatuloj Mulai Bui kiun mi salutis, kaj ankaŭ ĉiujn aliajn, ĉar estas bona kutimo, ĉiam saluti tiujn, kiujn oni renkontas eĉ kiam oni ne konas ilin.

Do, mi devis atendi antaŭ ol meti miajn harojn kaj barbon sub la teruran tranĉilon de la mastro. Sidiĝinte sur la matoj mi pensis kaj rigardadis al la muroj blankŝmiritaj, tie mi vidis du alkroĉitajn tabuletojn, sur kiuj oni povis legi paragrafetojn de la Korano. En tiu ĉi momento estis la posttagmeza preĝo: la anoncisto de la moskeo alvokis el supro de la minareto la mahometanojn al la preĝo; homoj eliris por preĝi, sed mi ankaŭ preĝis en mia koro, mi katoliko, kaj niaj preĝoj certe supreniris al la Dio de la ĉieloj. Dio aŭskultis nin, sed kial ni ne diris kune la saman preĝon al la sama Dio? Tia estas la demando, kiu longe okupis kaj ankoraŭ okupos mian spiriton, ĉar ni katolikoj estas grandaj malamikoj de la mahometanoj.

La interno de la kombejo pli interesis min. Estis akrigilo farita el tiea ŝtono ne bone ronda, apogita sur du palisoj enŝovitaj en la planko, kiu nur estas batita tero, kaj apogitaj sur la muro. Sur forneto varmiĝis akvo en bolkruĉo. Sur bretoj estis raziloj, tranĉiloj kaj tondiloj. Ankaŭ estis tuboj kun enspiriloj kiuj utilas por fari sangeltirojn el la nuko. La mahometanoj opinias, ke tiu ago ilin liberigas de kapdoloroj. Mi ne volus eĉ provi tiun kuracilon, ĉar nur vidante tiujn tubojn ne bone lavitajn kaj ujon plenan je kazeigita sango kaj preskaŭ neniam lavata, nur malplenigata, mi estis jam sata.

Kiam la kombisto estis tondinta al mi la harojn, li razis iom mian barbon: por tion fari, li vigle frotis mian haŭton kun varma akvo per peco da malpura spongo kaj iom da sapo eltirita el bova korno. La tiklo estis tiom forta ĉe mia kolo, ke mi ne povis min reteni ridi kaj post mi la kombisto kaj la klientoj. Mia kombisto ne havas brosojn, do li viŝis mian kapon per grasa viŝtuko.

Jen mia kombisto kaj li estas en la vilaĝo tre estimata. Se mi povus iri ĉe alia pli pura kombisto, mi irus, sed li estas la sola! . . .

Originalo de *P. Carrière*, Maroko.

## Virkapro de leono kaj kaprino de leporo.

(Negra fabelo el Bie-Angola, Afriko.)

Unu leporo havis kaprinon, sed ne havis virkapron. Lia najbaro leono havis virkapron, sed kaprinon ne havis. La virkapro de la leono paŝtis kun la kaprino de la leporo. Unu tagon okazis, ke la kaprino naskis du idojn.

— Estas miaj la kapridoj — diris la leono — ĉar ili estas filoj de mia virkapro.

— Ne, sinjoro — diris la leporo — almenaŭ unu estas mia, ĉar la kaprino apartenas al mi.

La leono ne cedis, tial li ordonis kunvenon de ĉiuj bestoj por la juĝado. La juĝontaro estis preta jam je la sunleviĝo, sed la testudo ankoraŭ ne venis eĉ kiam la suno staris alte. La kunveno estis preskaŭ finita, kiam subite aperis la „pezegulino“.

Ĉu ci nur nun alvenas, la pestulino — blekis la leono.

Sinjoro — ektremis la testudo — mi ne povis alveni pli frue, ĉar mia patro naskis filon ĉiu-tiu-matene, kaj mi akuŝis.

— Silentu, malsaĝulino . . . ĉu virbesto povas naski filojn?

— Ah! — respondis la testudo respekteme — mi aŭdis, ke ni estis invititaj kunveni hodiaŭ por simila afero . . . Via Reĝa Moŝto ja ne pretendas, ke via virkapro naskis du virkapridojn?

La ĉeestanta bestaro bruege ekridis, la leono perdis la proceson, kaj la leporo estis are levita kaj triumfe portata de la bestaro, kune kun la du kapridoj, ĝis la hejmo.

El la portugala *Gomes Freitas*, Madeira.

---

## Malgranda princino.

*Jovan Dučić.*

Malgranda princino, kies haroj havis koloron de luna lumo, kies okuloj estis bluaj, kaj kies voĉo havis odoron de flavaj rozoj, — malgranda princino estas laca de vivo, kaj ŝi estas malgaja.

Sur siaj larĝaj marmoraj terasoj super la maro, apud grandegaj vazoj, en kiuj kviete mortadis ŝiaj krizantemoj, ŝi ploris kaŝe dum malhelaj vesperoj. Ŝia nostalgio kaj necerta malgajo lacigadis ŝian sangon kaj ŝian korpon, kiuj estis tute similaj al sango kaj kaj korpo de lilioj.

Kaj dum varmaj noktoj, kiam aero estas plena je stelara polvo, dum sur malhelaj muroj dormas kvietemaj pavoj, kaj kiam ĉiuj floroj malfermas siajn korojn, malfermis sin ankaŭ la koro de l' malgranda princino. Tial tiuj noktoj estis tiel plenaj je malgajo kaj varmo.

Kiam ŝi mortis, neaŭdita kaj silenta same kiel ŝiaj krizantemoj, longe batis malnovaj sonoriloj de katedralo, kaj ilia voĉo estis kvieta kaj solena, kiel voĉo de delonge mortintaj pastroj.

El la serbokroata *Rudolf Sigl.*

**Kun tiu ĉi numero estas sendataj:**

**Prospekto de la firmo Gottgetreu & Ko.**
**Hannover (Germ)., Herrenstr. 12**
**kaj**
**Invito al la 500-jaraj festoj en Helsingör**

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

## Literaturaj verkoj. — Lernolibro.

*

Sub titolo „*Verdkata Testamento*", tiom arte presita ke ĝi estas kvazaŭ rebuso, S-ro Schwartz kolektis pli ol sepdek poemojn, kiuj unue ŝprucigis la ridon de l' aŭdantoj, ĉe la Pariza kabaredo: La Verda Kato. Esperanto estas nur lingvo, ĉial uzebla. Poezio ankaŭ certe rajtas ĉion diri, eĉ tion, kion proze oni nomus nedecaĵo. Tial ni ne prude ofende ruĝiĝu pro kelkaj ŝercoj, kiuj transiras la limon de l' honesteco aŭ eĉ de l' simpla pureco. Sed aliparte, kia lerteco en la verslarado, kia ĵonglado kun la vortoj, kiaj neatenditaj vortludoj! Ofte tuta versaĵo nur celas tian finan dusencaĵon. Ĉu mokataj estas abstinenco, ĉu virino, ĉu amo, ĉu esperantista vivo, ĉu aliaj aktualaĵoj, ĉiam, en perfektaj versoj senmanke ritmitaj kaj rimitaj, la aŭtoro ĉizis senĝene juveletojn, kies brila ŝtono estas amuza, akra aŭ ankoraŭ malĉasta, naŭziga spritaĵo. Se vi pensas ke poezio nepre devas suprenflugigi la animon en idealan supermondon, ne eklegu la libron; sed se vi ŝatas bonhumoron, foje eĉ troan, lertegan ludon per Esperanto, tiam tuj aĉetu verkon ĝis nun, kaj kredeble dum longtempo, unikan en nia literaturo.

La eldonistoj de Heroldo de Esperanto kolektis kaj ĵus prezentas al ni duan *Bukedon* konsistantan el dektri floroj, kiujn semis kaj kreskigis tiom da diverslandaj ĝardenistoj. Duono el tiuj prozaj tekstoj estas originale verkitaj; la ceteraj estas tradukoj el bulgara, germana, islanda, juda, rusa, armena kaj slovena lingvoj. Kaj la temoj ne estas malpli diversaj: amo, vivo kaj morto, esperantismo, spriteco, fantazio, historio vice inspiris la verkintojn. Do ĉiuj koloroj, ĉiuj parfumoj garbe kunligitaj en plaĉa bonstila libreto.

Alia bukedo estas *Orienta Blovo*, malgranda kresteomatio de Sennacieca Revuo, sed unutema, unukolora, nur ruĝa per sia kovrilo, kaj ankaŭ image pro sia tendenco, pro sia celo montri ke eŭropa koloniado en Azio estas nur trompo, monavido, homekspluatado. Cetere tiun deziron de l' eldonintoj, ne ĉiu el la tekstoj plenumas, feliĉe. Plej multaj el ili estas tre interesaj kaj legindaj; unu aŭ du, la plej „satanaj", estas malpli bonaj laŭ facila kompreneblеco.

La *Esperanta Legolibreto* originale verkita de Henny Wildström estas pensaro kaj konsilaro, kies moraliga altiga celo estas laŭdinda. Sed tiu instrua klopodo faras ĝin pli legolibreto por geinfanoj ol nutraĵo por plenkreskuloj.

*

Ampleksa kaj riĉenhava estas la speciala lernolibro: *Esperanto in Handel und Verkehr* de S-ro R. Kreuz. La parolaj ekzercoj estas konversacioj inter du komercistoj, unu vizitanta la duan, pri diversaj ĉiutagaj praktikaj temoj. La skribaj ekzercoj konsistas el aro da komercaj leteroj kaj dokumentoj. Ĉe ambaŭ tiuj partoj, la tekstoj germana kaj esperanta apudestas. Tria kaj kvara parto estas plenaj vortaroj pri varnomoj kaj pri komercaj esprimoj. Mallonga gramatiko finigas la libron, kiun povis tiel trafe verki nur sperta fakulo en ambaŭ aferoj: komerco kaj Esperanto. Ĝi do speciale distingiĝas per lerta elekto de l' materialo, tute nuntempa kaj laŭcela tekstaro, tre korekta lingvo. Eble leganto miros pri la precizega alĝustigo de la esperanta teksto al la germanaj frazoj, sed tiu preskaŭ laŭvorta tradukо, kiun oni malaprobus en literatura verko, povas esti tre utila al la germanlingvaj lernantoj, kiuj sole uzos la libron; tial estas kompreneble, ke legante nur la esperantan parton oni unuavide juĝas ĝin iom germanstila. Ĉu en dua eldono ne estus pli taŭge, en la parolataj frazoj, anstataŭi la nombrojn per iliaj tutliteraj vortoj?

Atentu! Jen ondo-Esperanto! *(Achtung! Welle Esperanto!)* Tio estas krisignalo por libro al germanaj radioaŭskultantoj. Dekkvar tekstoj, ofte humoraĵoj, kun detalaj klarigoj, por gramatiko kaj vortaro formas vivan lernolibron; ĝi estas necesa kromaĵo por radiokursoj, ĉar aŭdadon de l' kursestra voĉo devas poste helpi memvido de skribita teksto kaj de reguloj en verketo ĉiutempe relegebla kaj restudebla: paroloj forflugas, skribaĵoj restadas.

La bele presita kaj eldonita *lernolibro por Latvoj* verkita de Inte Čače enhavas unue detalan gramatikon, ne lecione dividitan, sed racie ordigitan (eĉ „mis" kaj „oz" enestas) kaj due krestomation kun kolekto da prozaj kaj versaj tekstoj, kelkaj pri Latvujo aŭ tradukitaj el la latva lingvo, aliaj elektitaj el libroj kaj gazetoj, fine vortaron. Do en unusola libro ĉio necesa por plene lerni nian lingvon.

*Esperanto per 10 pamoku* (en dek lecionoj) estas lernolibro por Litovoj, malpli kompleta ol la antaŭa sed tute sufiĉa por komencantoj.

Ree aperis *ŝlosilo*, laŭ ĉefeĉa modelo, por *Ĉeĥoj*, kompreneble kun surkovrilaj informoj aktualigitaj.

14 Majo 1926. *G. S.*

*

Ĵus aperis libreto titolita: La Padova Lilio, mallonga biografio pri Sankta Antono de Padovo. La verkinto, P. Modesto Carolfi, kiu jam riĉigis nian literaturon per kelkaj valoraj verketoj, kun multa entuziasmo kaj amo priskribas la admirindan vivon de tiu heroo de la mezepoko, kiu ĝis hodiaŭ estas la plej populara sanktulo de la katolika eklezio. La rakonto pri vivo tiom riĉa en sindona bonfarado, elokventa agitado kaj humila modesteco, profunde impresas la leganton kaj multe levas spirite. Estas gajno ricevi kaj legi tiajn librojn por morala kaj spirita refreŝiĝo en tempoj, kiam grandaj homoj kaj agoj tro mankas. Aparta merito de la libro estas la aldono de multaj belaj kaj interesaj ilustraĵoj, sed pro la rapida aranĝo al la preso bedaŭrinde restis en la teksto kelkaj eraroj, precipe interpunkciaj. A. Ĉ.

## Novaj libroj.

**Esperanto in Handel und Verkehr.** *Robert Kreuz.* 1926. Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig, Esperanto-Fako. 112 paĝoj, 15 × 22 cm. Prezo: 1,80 M. germ.

**Bukedo.** Kolekto de literaturaĵoj originalaj kaj tradukitaj de diversnaciaj aŭtoroj. Reviziita de *Zanoni.* T. u. H. Jung, Horrem bei Köln, Germanlando. 80 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo kun afranko: 0,60 M. germ.

**Achtung! Welle Esperanto!** Hilfsbuch für den Esperanto-Unterricht durch Rundfunk. *Arnold Behrendt.* Deutsch-Esperanto-Bücherei, Nr. 10. 1926. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin und Dresden. 56 paĝoj, $12^1/_2$ × 18 cm. Prezo: 0,90 M. germ.

**Verdkata Testamento** de *Raymond Schwartz.* 1926. Centra Librejo Esperantista, 51 Rue de Clichy, Paris 9-e. 126 paĝoj, $12^1/_2$ × $16^1/_2$ cm. Prezo kun afranko: 10 fr. fr. aŭ 2 sv. fr.

**Originala Esperanta Legolibreto.** Pensoj kaj rakontoj de *Henny Wildström.* Propra eldono de la verkinto: Lidingö 1, Svedujo. 1926. 46 paĝoj, 12 × $16^1/_2$ cm. Prezo: 0,50 sv. kr.

# La Biblio en Esperanto.

De la tempo de la morto de D-ro Zamenhof, antaŭ naŭ jaroj, la esperantistoj pacience atendis la publikigon de la kompleta Malnova Testamento, kiun li tradukis. Diversaj malhelpoj prokrastis la eldonadon. Unue la mondmilito, poste la serĉo por eldonisto kaj por la monrimedoj presigi la verkon kaj ebligi, ke ĝi kostu al la publiko kiel eble plej malmulte. Oni transdonis la manuskripton al brita komitato, kiu sukcesis ne nur trovi eldoniston, sed ankaŭ bonkoran subtenon, kiu provizis la tutan monon, bezonatan por kompostigi la verkon kaj kliŝigi la kompostaĵon.

La konata British and Foreign Bible Society kun la National Bible Society of Scotland entreprenis la eldonadon, sed kun la kondiĉo, ke la manuskripto estu zorge kontrolata kun la fidinda teksto de la hebrea originalo. Tiun taskon oni konfidis al kompetentaj spertuloj kaj al iuj anoj de la Esperanta Akademio, kiuj povus garantii al la eldonistoj kaj al la publiko la fidelecon kaj fidindecon de la traduko.

Oni povas tuj aserti, ke tiu revizado ne faris ian fundamentan ŝanĝon de iu paragrafo, kiun Zamenhof verkis, kaj la legonto povas certiĝi, ke la traduko estas vere la verko de Zamenhof laŭ lia intenco kaj ideo. Antaŭ sia morto li indikis kelkajn ŝanĝojn, kiujn li volis fari en la jam eldonitaj partoj de la Biblio, kaj la komitato respektis la dezirojn de Zamenhof tiurilate.

Kiam la esperantistoj ricevos la libron, ili aklamos ĝin kiel la gloran kronon de lia vivlaboro. Oni devas esti danka, ke li vivis por kompletigi ĝin, kiel lian lastan heredaĵon al la esperantista popolo, kiun li kreis. Oni ne povas paroli tro laŭde pri ĝi kiel fidinda traduko kaj kiel majstroverko en Esperanto. Estas notinde, ke ĝi estas traduko de hebrea libraro, farita de hebreo konanta detempe de sia juneco la idiomon de la originala teksto. Por la unua fojo post la tradukiĝo de la Malnova Testamento en la grekan lingvon (de la Septuaginto) en la tria jarcento A. K., la Sanktaj Skriboj de la hebreoj estas tradukitaj de hebreo en internacian lingvon. La latina Vulgato (eldonita en la kvara jarcento P. K.) ja estis verkita en la internacia lingvo de la tempo, sed tio estis la verko de spertuloj de la roma eklezio.

La graveco de la traduko por Esperanto estos nekalkulebla, ĉar ĝi fariĝas la ĉefa klasikaĵo de la lingvo. La hebreaj Sanktaj Skriboj estas la fundamenta literaturo de la pli granda parto de la civilizita mondo. La Biblio ne estas nura libro sed ĝi estas libraro — aro da libroj. La Malnova Testamento estas kolekto de trideknaŭ libroj. Ilia varieco estas miriga, kiel ajn oni pristudas ilin. Ili ampleksas historion kaj biografion, juron kaj moralojn, filozofion kaj popoldirojn, dramon kaj poezion, profetaĵon kaj psalmon. Ĉiu aparte estas la produktaĵo de geniulo kaj el diversaj epokoj; kaj ili venas al ni kiel atesto de la morala, spirita kaj intelekta esprimo de tiuj epokoj. Mil jaroj apartigas Genezon de Malaĥi. Dum ni pasas de libro al libro, ni povas kalkuli la ŝtupojn de la ŝtuparo, laŭ kiu la homoj grimpis al sia nuna civilizeco. La Biblio estas evolua libro. Ĝi bildas la elvolviĝon ne nur de la homaro, sed de la homa ideo kaj scio de Dio dum la pasado de la jaroj. En la lumo de tiuj faktoj oni povas kompreni, kiel la Biblio fariĝis la ĉefa libro de preskaŭ ĉiuj lingvoj. Ĉiu spertulo en la angla lingvo devas submetiĝi al la disciplino de la angla traduko de la Biblio. La traduko de D-ro Martin Luther estas fundamenta libro de la germana lingvo. Ĉiu popolo, venanta en la lumon de civilizeco kiel rezulto de moderna misiista klopodo, ricevas la Biblion kiel ĝian unuan literaturon. Ĝi fiksas la lingvaĵon, kaj el ĝi ĉiu alia literaturo ĉerpas sian formon kaj esprimon. Oni do ne povas trograndigi la gravecon de la Esperanta Biblio. Esperantistoj jam konstatis el la jam tradukitaj partoj de la Biblio*) la rimarkindan kapablon de Zamenhof traduki la antikvan tekston en fluan kaj gracian Esperanton. Oni trovos, ke la lingvaĵo de iuj el la lastaj tradukoj rebrilas mirige la stilon, la elokventecon, la fajron kaj la ritmon de la hebrea originalo. Tia fidela traduko estas preskaŭ neebla ĉe iuj el la naciaj lingvoj. Tio efikos multon por konvinki skeptikulojn pri la ebleco esprimi adekvate per Esperanto ĉiujn variojn de homa penso.

Unu el la kondiĉoj de la eldonado kutime en Britujo estas, ke la Nova Testamento estu bindita kun la Malnova. La traduko de la Nova Testamento ne estas la verko de Zamenhof, sed de komitato, kiu sub la redaktoreco de Pastro John Cyprian Rust el Scham, Cambridge, eldonis la Novan Testamenton antaŭ dektri jaroj pere de la British and Foreign Bible Society kaj la National Bible Society of Scotland. Tamen granda parto de la Malnova Testamento estis tradukita de D-ro Zamenhof, antaŭ ol oni entreprenis la tradukon de la Nova Testamento; kaj la influo de la Malnova troviĝas en la Nova. Plie la revizistoj de la Zamenhofa traduko de la Malnova Testamento kaptis la okazon fari kelkajn ŝanĝojn en la traduko de la Nova, por akordigi ĝin kiel eble plej bone kun la Zamenhofa verko, precipe ĉe tiuj partoj, kiuj estas citaĵoj el la Malnova.

Zorgemaj legantoj de la Biblio en Esperanto eltrovos en ĝi multon, kiu ne vidiĝis en la nacia traduko. La preskaŭ universala regulo en Esperanto: unu vorto, unu ideo, ebligas, ke la esperanta teksto rivelu ĝuste kaj unusence la signifon de la originalo hebrea aŭ greka, kaj la traduko do fariĝas ne nur rivelado de la originalo, sed ankaŭ komentario. Al tiuj, kiuj havos la devon en la estonteco traduki la Biblion en indiĝenajn dialektojn, la Esperanta Biblio havos apartan valoron; kaj estas eble, ke ĝi povos mem rapide fariĝi la Biblio por tiuj popoloj, en kies lingvo traduko ankoraŭ ne ekzistas, ĉar per malmulte da instruado pri la internacia lingvo Esperanto provizos ŝlosilon al ĝi. En misia laboro, do, la Esperanta Biblio povas okupi gravan lokon.

Oni uzas ĉi tiun okazon, por esprimi la dankon de la esperantistaro al la amikinoj, kies malavareco ebligis la eldonadon, kaj al D-ro Mc. Fadyen, profesoro de hebrea lingvo en la kolegio de la United Free Church, Glasgovo, kiu agis kiel sperta konsilisto.

La traduko estos dediĉita ĉe la Diservo en la Katedralo de S-ta Giles, Edinburgo, dum la XVIII-a Universala Kongreso de Esperanto. Bedaŭrinde pro la halto de laboro dum la ĝenerala striko en Britujo okazis tempoperdo, kiu malebligis, ke sufiĉe da ekzempleroj estus aĉeteblaj dum la Kongreso; sed oni povas mendi ekzemplerojn ĉe la British Esperanto-Association, Londono, aŭ ĉe iu agentejo de la Britaj Bibliaj Societoj tra la mondo.

*W. M. P.*

---

*) Genezo, Eliro, Levidoj, Nombroj, Readmono, Psalmaro, Sentencoj de Salomono kaj La Predikanto.




# Eduka paĝo de l' Instituto J.-J. Rousseau

## Objektiva Kontrolo de Esperanto-Instruado.

La sukcesplena konferenco en Genève, 1922, unuanime deklaris ke estus plej interese organizi, laŭ precize difinotaj kondiĉoj, provojn pri la rezultoj de Esperanto-instruado. La „Institut J. J. Rousseau", en Genève, havas nun la eblon entrepreni unu, aŭ pli ĝuste du tiuspecajn eksperimentojn, kies valoro estas ankoraŭ pli grandigita per la fakto, ke ĝi kunlaboros kun D-ro *Thorndike*, de „Institute of Educational Research of Teachers' College of Columbia University, New York City".

Ŝajnas al ni oportune doni ĉi tie kelkajn informojn pri la projekto de tiuj du eksperimentoj.

### *Unua eksperimento.*

La unua plano interesas ĉiujn Esperanto-kursojn, en kiaj ajn kondiĉoj ili okazos; (estus eĉ interese ricevi la rezultojn atingitajn de izoluloj studantaj Esperanton per si mem, sen instruanto).

La ideo de D-ro *Thorndike* estas apliki al Esperanto lingvotestojn*) similajn je tiuj kiuj estas ĉiam pli kaj pli uzataj en Usono, por kontroli instruadon de gepatra lingvo, de vivantaj fremdaj lingvoj, kaj de mortintaj lingvoj. Tiuj kiujn oni nun proponas al ni rilatas al:

a) kono de *vortoj*

b) kompreno de presitaj *frazoj*

c) legado de presitaj *tekstoj*.

En New York estis preparitaj formularoj, kiuj, post serioza kontrolo de kompetentaj esperantistoj, estis adaptataj tiamaniere ke ilin povos uzi personoj parolantaj diversajn naciajn lingvojn.

Por sciiĝi, ekzemple, ĉu franco aŭ ĉeĥo komprenas ian esperantan *vorton*, oni presas apud tiu vorto kvar vortojn en lia gepatra lingvo, el kiuj nur *unu* povas klarigi la esperantan; ĉi tiun la lernanto devas trovi kaj substreki.

Rilate al kompreno de *frazoj*, oni redaktis kelkajn propoziciojn, el kiuj ĉiu enhavas ordonon, facile tuj plenumeblan. Ekzemple: „Metu punkton super la vertikala linio". La frazoj esprimantaj tiujn ordonojn ĉiam pli kaj pli malfaciliĝas; ilia interligo formas do kvazaŭ skalon.

Ankaŭ la *tekstoj* konsistas el gradigitaj paragrafoj; pri ĉiu el ili kelkaj demandoj estas faritaj.

La tuto starigas, kiel oni vidas, interesan ekzamenon, kiu havas la avantaĝon ebligi kvantajn rilatojn, specon de mezurilo pri kono de Esperanto, almenaŭ rilate al legado en tiu ĉi lingvo.

Nia intenco estas ebligi, per tiuj testoj, kontrolon de la diversaj etapoj dum la lernado, kaj taksadon de la rapideco kun kiu la kursanoj lernas Esperanton. Estos do interese mezuri iliajn lingvajn sciojn, ekzemple post dek kaj post tridek lecionoj.

Ĉar Esperanto havas multajn komunajn trajtojn kun naciaj lingvoj, estas eble kaj interese fari tiujn testojn ne nur post la kurso, por konstati ĝian rezulton, sed jam antaŭe, por scii kiom jam komprenas aŭ divenas la lernantoj per siaj aliaj lingvaj konoj. Estus ankaŭ interese mezuri la atingitajn rezultojn laŭ diversaj kategorioj de lernantoj, ekzemple laŭ aĝo, gepatra lingvo, antaŭaj lingvaj scioj, ĝenerala inteligento, ktp.

*) *Testo* signifas „preciza ekzameno farita en difinitaj kondiĉoj, sub la bazo de science ellaborita demandaro aŭ enketo." *N. d. l. Red.*

Tiurilate la „Institut J. J. Rousseau" speciale ŝatus interrilati kun kiel eble plej multaj kaj diversaj psikologoj kaj pedagogoj spertaj pri testoj kaj psikologiaj ekzamenoj.

### *Dua eksperimento.*

La dua eksperimento postulas multe pli da tempo kaj penado. Ĝi intencas mezuri la rezultojn de Esperanto-instruado en la programo de kelkaj lernejoj. Kontraŭ enkonduko de Esperanto en la lernejoj, oni ofte pretendas ke la programoj estas jam troŝarĝitaj. Por respondi al tiu skrupulo ni proponas sekvantan provon:

Unue kaj dum unu jaro, Esperanto anstataŭus en la lerneja programo la unuan fremdan lingvon, (ekz., en la franca parto de Svislando, ĝi anstataŭus la germanan). La faktoj priskribitaj dum la Ĝeneva konferenco rajtigas nin opinii, ke tio prezentos, ĝuste je vidpunkto de tiu unua fremda nacia lingvo, ne perdon sed profiton, pro la prepara valoro de Esperanto.

Post unu jaro, instruado de Esperanto por si mem estus interrompita; la fremdaj lingvoj reaperus sialoke en la programo; sed Esperanto tamen restus en ĝi, ĉar oni donus geografiajn lecionojn en Esperanto. Se ni elektas tiun ĉi fakon, estas ĉar Esperanto ebligos — kaj tion ni konsideras plej grava — vere vivan instruadon de prihoma geografio, permesante al la lernantoj korespondi kun infanoj diverslandaj, kun turismaj oficejoj, internaciaj foiroj, ktp. Estos bonega okazo apliki la principojn de „aktiva lernejo", aŭ de „project method" kiel diras la Usonanoj.

Kompreneble tio ĉio devas esti zorge preparota, almenaŭ per publikigo de gvidlibro por la instruantoj, enhavanta didaktikajn kaj bibliografiajn informojn, eble eĉ per eldono de unu aŭ pluraj lernolibroj. Se oni bone komprenis nian planon, oni rimarkas ke ni havas por tiu preparado certan tempon antaŭ ni, ĉar la lernejoj komencos tiun ĉi parton de la programo nur en la dua eksperimenta jaro.

Kion ni demandas jam nun al niaj legantoj, estas kompreni la gravecon kaj intereson de tiu pedagogia klopodo kaj helpi nin per ĉiuj rimedoj, parolante pri tio al siaj konatuloj. Ni ĝojus interkorespondi por ricevi proponojn kaj por doni detalajn informojn.

*P. Bovet.*

---

# Miranda.

De *Antonio Fogazzaro.*

*Kiam ĉirkaŭas min danco pasia kaj bela,*
*kiam laŭtege sonas bruado festena,*
*mia animo en sia kaŝejo malhela*
*je vi, je vi, nur je vi estas plena.*

*Min frapu per perfido kalumnia*
*aŭ per suferoj sorto senkompata;*
*en fundo povos esti koro mia*
*de vi, de vi, nur de vi disbatata!*

Trad. *Oscar Bünemann.*

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

# Naciaj kongresoj.

## Belga Ligo Esperantista

**15-a Belga Esperanto-Kongreso, La Panne, 22-24 Majo 1926.**

Pasintan jaron nia delegito en Oostduinkerke, S-ro Paul Benoît, entreprenis propagandon en la ĉarma banurbeto La Panne s. Maro. Li faris tie kurson kun bona sukceso. Kun la restintaj membroj de tiu kurso li kreis grupon „Mara Stelo", kiu interkonsente kun la loka „Ligo de materiaj interesoj" invitis al La Panne la 15-an Belgan Kongreson.

Ĝin partoprenis proksimume 150 gesamideanoj, inter kiuj kelkaj el Britujo, Francujo, Nederlando, Svislando kaj Rumanujo. Ni speciale citu la partoprenon de S-ro kaj S-ino Sergeant, nia malnova, bonega amiko el Boulogne s. Maro kaj lia ĉarma edzino.

La urbestro de La Panne, S-ro d'Arippe, oficiale akceptis la kongresanojn, kaj prezentis al ili la honorvinon. La 23-an matene okazis la jarkunveno de Belga Ligo Esperantista. Faris la malferman paroladon S-ro L. Cogen, vicprezidanto de B. E. L., kiu anstataŭis S-ron Witteryck en la prezida loko, ĉi tiu pro malbonfarto ne povante ĉeesti la kongreson. S-ro Henri Petiau, ĝenerala sekretario, kaj S-ro Fernand Mathieux, kasisto, sinsekve raportis pri la morala kaj financa stato de la nacia societo en Belgujo. S-ro F. Schoofs, direktoro de „Belga Esperantisto" kaj ĉefdelegito de la Belga Teritorio de UEA, insistis pri la utileco de UEA kaj pri la neceseco, ke ĉiu membro de Belga Ligo ankaŭ aliĝu al nia Universala Asocio. Li montris la ciferojn pri la progreso de nia asocio en Belglando dum la lastaj jaroj, kaj komparante ĝin kun kelkaj samgravaj landoj en Eŭropo, esprimis la deziron, ke la belgaj samideanoj kunhelpu, por ke ilia lando ludu en UEA sian proporcian rolon.

Poste S-ro P. Nyssens, Direktoro de la Instituto de Homa Kulturo en Bruselo, bonege parolis pri „Entuziasmo".

Tiam oni faris la kongresfotografaĵon. La kutiman festenon partoprenis preskaŭ ĉiuj gekongresanoj. Ĝi bonege sukcesis, same kiel la vesperfesto, kiu konsistis el balo kun intermezoj deklamaj kaj kantaj en Esperanto kaj en nacia lingvo.

Lundon, la 24-an, promenado laŭlonge la marbordon; oficiala akcepto en alia banurbeto Coxyde, kaj daŭrigo al Oostduinkerke, kie en la bonega hotelo de S-ro P. Benoît okazis tute familia tagmanĝo. La Liga Komitato kaptis tiun okazon por laŭvalore danki S-ron Benoît pro lia senlaca kaj meritplena laboro por nia movado kaj por nia lingvo, kaj por prezenti al li kelkajn florojn. S-ro Benoît dankis kaj promesis daŭrigi proksiman vintron sian laboron per semado en alia najbara loko apud la maro!

* * *

## XIII-a Kongreso de Kataluna Esperantista Federacio.

**Santa Coloma de Farnés, 23-25 Majo 1926.**

La 23-an, dimanĉon, je la 11-a matene okazis en la Urbdomo la akcepto de la kongresanoj kaj malferma kunsido. La urbestro S-ro Costa, malnova samideano, malfermis la kongreson per esperanta parolado kaj kore salutis la esperantistojn. Respondis al li la prezidanto de K. E. F., S-ro Dalmau. Poste salutis la delegitoj de katalunaj grupoj kaj ankaŭ S-ro Teo Jung, redaktoro de „Heroldo de Esperanto". Oni disdonis la kongreslibron kun vidaĵoj de la urbo, programo ktp.

Posttagmeze okazis en belornamita teatro la festo de la Floraj Ludoj, partoprenitaj de 144 konkursaĵoj el 15 nacioj. La premiito per la Natura Floro estis S-ro Teo Jung pro sia poemo „La Alta kanto de la amo". La reĝino de la festo estis la bela samideanino F-ino Mercè Burch. La sekretario de la Floraj Ludoj, S-ro Josep Ventura, legis belan raporton, kaj poste estis parte legata la tre interesa parolado de la prezidanto, la eminenta D-ro Privat.

Post la Floraj Ludoj okazis solena oficiala festeno en „Termes Orion", prezidata de la reĝino kun sia kortego; poste ankaŭ okazis solena balo.

Lundon, 24-an, okazis solena diservo kun bonega esperanta prediko de pastro Font Giralt. Poste, la labora kunsido, ekzamenoj, fermo de la kongreso kaj vizitoj al la esperanta ekspozicio ktp.

Mardon okazis la anoncitaj ekskursoj al la ĉirkaŭaĵoj de la urbo.

* * *

## Impresoj el la München-a Kongreso.

(El „Germana Esperantisto".)

Jam la nomo München estas tiel alloga, ke la laborema L. K. K. povis atendi kelkajn milojn da partoprenontoj. Ke oni trovis ne tiel grandajn nombrojn en la (ne ekzistanta) listo de kongresanoj — nur ĉirkaŭe 300 gesamideanoj partoprenis — estas klarigeble nur pro la ĝenerala malbona situacio ekonomia. La L. K. K., kiun estris D-ro Francke fervore ĝis raŭkeco, faris ĉian eblon, por agrabligi al la gesamideanoj la restadon en la kongresurbo.

Sabaton, 22 Majo, okazis preparaj kunsidoj de la konsilantaro, rondveturado tra la urbo kaj vespere la salutvespero en „Augustinerkeller". Gajeco regis tie, malnovaj amikecoj estis revigligataj, novaj ligataj.

La Pentekosta dimanĉo komenciĝis per fakkunsido de la akademianoj. Je la 11.15-a la kongresanaro kolektiĝis en la bela antikva salonego de la malnova magistrata domo, kie okazis la solena malfermo de la kongreso. D-ro Vogt anstataŭis la prezidanton de G. E. A., D-ro Kliemke, kiu estis malhelpata ĉeesti pro urĝa vojaĝo al Nordameriko. Li donis resumon pri la nuna stato de nia movado. S-ro urba konsilanto Schmidt, salutis la kongreson en la nomo de la kongresurbo; poste transdonis salutojn S-ro Wallon (Saksa Ligo), Schönrich (Sudokcidenta Ligo), Schwarz (Berlin-a gruparo), Junker (Revelo), Habellok (Silezia Ligo), D-ro Möbusz (Nordalbinga Ligo), Bederlunger (tirolaj esperantistoj), F-ino Nickel (Radio-Asocio), prof. Niŝimura (por japanaj kaj orientaj esperantistoj).

Post la solena kunsido la gekongresanoj iris al la hotelo Wagner, kie okazis la komuna tagmanĝo. Rapide forflugis la tempo, kaj post la 3-a ĉiuj devis forlasi la lokon de amuzado kaj refreŝiĝo, por migri al la loko de laboro: la Rosental-lernejo, kie komenciĝis baldaŭ la unua laborkunsido.

Unue disdonis D-ro Steche la honorigajn insignojn de G. E. A. al S-roj Jean Borel, Christaller kaj D-ro Möbusz. Poste sub la ferta gvidado de D-ro Vogt la tagordo rapide estis plenumata dum du kunsidoj. Tiun rapidan progreson efikis precipe la fakto, ke preskaŭ ĉiuj proponoj estis reprenataj aŭ modifitaj de la proponintoj. Pro tio iu partoprenanto nomis la München-an kongreson kongreso de „retiroj".

La laboroj de la Pentekosta lundo komenciĝis per fakkunsidoj: komitatanoj por ekzamenoj, fervojistoj, Bahai-anoj, UEA-

anoj ktp. Je la 10-a la gekongresanoj ope vizitis la Germanan Muzeon, inter kies vidindaĵoj plej multe estis admirata la planetario. Ne estis eble, dum unu vizito vidi ĉion, ĉar la vojo tra la tuta muzeo estas longa 16 km. Tial multaj samideanoj ripete vizitis ĝin. Refoje la kongresanoj unuiĝis posttagmeze, kiam post fakkunsido por instruistoj la dua kaj samtempe lasta laborkunsido okazis, kaj tuj poste disiris. La 15-a Germana Esperanto-Kongreso finiĝis; ĝi plene kontentigis ĉiujn partoprenintojn. Ĉiuj foriris kun danko al la gesamideanoj, kiuj tiel fervore kaj lerte aranĝis nian ĉefkunvenon, kaj kun la voko: Ĝis revido venontan jaron en Köln!

* * *

## Jarkunveno de la Centra Dana Ligo.

Ĝi okazis en Grenaa, urbo de la orienta bordo de Jutlando. En la unua tago de Pentekosto la kunveno estis komencita. Venis salutaj telegramoj el Buchholtz, Dresden, Goslar, Horsens, Malmö, Milano, Odense, Roma, Tonder, Weinböhla. La vesperfesta programo estis tiom riĉenhava, ke oni restis post la noktomezo. Inter aliaj partoprenis en la koncerta parto F-ino A. Melchior, S-ino A. Tornol, S-ino M. Mammen, F-ino Timm. La junuloj el Odense surprizis la ĉeestantojn per esperanta kabaredo.

En la dua tago oni aŭdis longan raporton de la prezidanto, S-ro M. Blicher, pri la jara agado. Laborkunsido sekvis, dum kiu oni diskutis pri la instruado de Esperanto. Fine, la instruistoj, kiuj partoprenis en la kongreso, sendis al la urbestraro petskribon pri la lernigado de Esperanto.

---

## Estraro de la Akademio

**por la jaroj 1926—1927—1928**

(laŭ la lastaj elektoj).

Prezidanto: Prof. *Th. Cart.*

Vicprezidantoj: S-ro *Warden* kaj D-ro *Dietterle.*

Direktoroj de la 3 sekcioj: Prof. *Grosjean-Maupin;* D-ro *Lippmann;* D-ro *Privat.*

---

# Lingva Komitato.

### Elektoj

**31-a de Majo 1926. Anoj: 111; Voĉdonintoj: 103**

**Reelektita:** S-ro *Stroele.*

**Elektitaj:** S-roj *Bennemann, Ĉernohvostov, Döhler;* S-ino *Dresen;* S-roj *Ellersiek, Grau-Casas* (Jaume), *Grenkamp-Kornfeld, Grot, Karolczyk* (Eska), *Kostecki, Kreuz, La Colla, Pillath* (Zanoni), *Rosselló-Ordines, Scott* kaj *Waringhien.*

**La Prezidanto**
**de la Akademio kaj de la Lingva Komitato:**
*Th. Cart*

Al la reelektita kaj al la nove elektitaj anoj de L. K. koran kaj sinceran gratulon! (Red.)

## Ekzamenoj en Edinburgo.

Dum la 18-a Universala Kongreso de Esperanto en Edinburgo la Internacia Instituto de Esperanto aranĝos ekzamenojn pri „studado" kaj „kapableco", kondiĉe, ke anoncos sin almenaŭ dek kandidatoj. Laŭ la decido de la Instituto provizore ne plu estas donataj superaj (profesoraj) diplomoj kaj sekve de tio tia ekzameno ne estos aranĝata. La necesajn informojn oni trovas en „Esperanto" (N-ro de Majo 1924, paĝo 89). Oni bonvolu sin anonci ĉe la Internacia Instituto de Esperanto, 12 Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando).

---

## KRONIKO.

### Abisenio.

*Addis-Abeba.* — Ankaŭ en tiu lando fervora samideano S-ro Ludvik propagandas nian lingvon. Li nun klopodos instrui Esperanton al kelkaj indiĝenoj, kiuj restos en la lando kaj zorgos pri daŭra movado en Etiopio.

### Aŭstrio.

*Hainfeld.* — Novan grupon fondis instruisto Franz Wandl.

*Linz.* — Landestro de A. E. D. por Super-Aŭstrio kune kun prof. D-ro Meguscher fondis „Super-Aŭstria Esperanto-Societo".

*Saalfelden.* — Ĵus finiĝis du kursoj. Prezidanto Wallinger fondis radio-klubon. Sekretario Neumair gvidis kurson stenografian laŭ unuecsistemo kaj per tiu metodo gajnis novajn amikojn por Esperanto.

*Wien.* — La ŝtata Esperanto-ekzamenkomisio sub la prezido de la eminenta landlernej-inspektoro D-ro Franz Wollmann, kortega konsilanto, faris dum Aprilo la ekzamenon pri „instrukapableco" de 23 personoj (16 viroj, 7 inoj), 6 profesoroj, 1 pastro, 2 juristaj doktoroj, 6 instruistoj, 2 altlernej-studantoj, 1 privata oficisto kaj 5 instruistinoj pri lingvoj. La ekzamenon pri „kapableco" faris 6 personoj (3 viroj, 3 inoj), 1 magistrata oficisto, 2 instruistinoj, 1 altlernej-studanto, 1 privata oficisto kaj 1 prilingvo-instruistino. Ĉar la kandidatoj grandparte estis universitatanoj kaj malnovaj esperantistoj, pro tio faris 11 personoj la ekzamenon „I" kun „distingo" kaj same 2 la ekzamenon „II", nur unu rezignis dum la ekzameno.

∴ Prioro Wolfgang Nedwid estis nomita de Kardinalo D-ro Piffl eklezia konsilanto ĉe Esperantista Laboristaro Kristana de Aŭstrio.

∴ Esperanto-fakgrupo de la turista asocio „La naturamikoj" en Wien estis instalita. La grupo estas samtempe la centrejo de la tutmonda naturamika Esperanto-movado; ni petas la samideanojn-naturamikojn sendi siajn adresojn al la grupestro S-ro Raimund A. Cech, Wien IX, D' Orsaygasse 7/23. La grupo aranĝas ĉiu-dimanĉe ekskursojn.

∴ Esperanto-Societo „Danubio" aranĝas en la nova klubejo kafejo „Elsahof", VII, Neubaug. 25, ĉiun unuan kaj trian lundon lumbildparoladojn. Parolis pri „Pan-Eŭropa Unio" prof. D-ro H. Jokl. La societo, kiu nombras preskaŭ 100 membrojn, havas perfektigan kaj konversacian kursojn. En la ceteraj societkunvenoj parolis ĝis nun la samideanoj dir. Schamanek, Sonnenfeld, dir. Bock kaj Ilić.

∴ Esperanto-Societo „Junularo": ĉiu-merkrede paroladojn de konataj Vienaj gesamideanoj.

∴ Esperantista Laboristaro Kristana festis ĉi-jaran Enciklikan feston en la pilgrima preĝejo Maria Grün. Predikis germanlingve profesoro pastro Johano Leeb pri „La solvo de la labor-

ista problemo pere la katolika eklezio". Post la prediko diris la benon la prezidanto de I. K. U. E., pastro Meŝtan. Ankaŭ la Laŭretana litanio kaj la preĝoj okazis en Esperanto. La Vienaj membroj de Aŭstria Katolika Ligo ne nur partoprenis sed kunlaboris ankaŭ diligente kaj vere frate.

∴ Ĝenerala kunveno de Viena Esperanto-Delegitaro 5. VI. 26. Fondiĝis speciala „Pan-Eŭropa" komitato, por faciligi traktadon kun paneŭropa movado, kies kongreso okazos en Vieno 4—11 Oktobro. Rezignis kiel prezidanto de V. E. D. S-ro W. Smital. Nuna adreso de V. E. D.: R. Cech, D'Orsaygasse 7-23, Wien IX-1.

## Bolivio.

*Oruro.* — Esperanto estas reprezentata tie ĉi per rondeto da samideanoj Ni sciiĝas, ke oni rekomencos aktivan propagandon dum tiu ĉi jaro.

## Britlando

La Franca Komerca Ĉambro de Londono, aŭdinte pri Esperanto de S-ro Le Brun, administranto de la Ĝenerala Transatlantika Kompanio, akceptis (1. VI. 1926) unuvoĉe la deziresprimon de S-ro Boucher rekomendi la instruadon de Esperanto al la lernantoj de la francaj liceoj en Londono.

S-ro Gueritte, inĝeniero de artoj kaj manufakturoj, konsilanto de franca ekstera komerco kaj fervora samideano, estas prezidinto de tiu ĉi grava eksterlanda franca komerca ĉambro.

## Ĉeĥoslovakio.

Novaj kursoj.

*Jilemnice.* — Nova kurso gvidata de S-ro Scholz.

*Liberec.* — S-ro Haase finis kun 18 p. (komence 24 p.).

*Meziměstí.* — S-ro Fritz el Náchod instruas 17 p.

*Náchod.* — S-ro Fritz instruas 29 p.

*Praha.* — S-ro Koutek kun 13 progresintoj.

*Slezská Ostrava.* — S-ro Baroch finis kurson por gejunularo kun 26 p. (komence 64 p.).

Paroladoj.

*Moravská Ostrava.* — Dir. Fridrich el Brno parolis. Aranĝis du neesperantistaj societoj.

Radio.

*Brno.* — Stacio Brno decidis disaŭdigi Esperanto-kurson, kiu okazos post supera aprobo.

*Praha.* — Stacio de Radiojournal Praha disaŭdigis paroladon de D-ro Bischitzky pri Esperanto sabate la 12. VI.

Gazetara servo.

Dum Januaro ĝis Aprilo aperis en 98 ĉeĥaj gazetoj de 36 urboj entute 498 informoj pri Esperanto (Januaro 130, Februaro 142, Marto 117, Aprilo 109), krome certe kelkdekoj pliaj, pri kiuj Ĉ. A. E. ne ricevis sciigon. Plie en 35 germanlingvaj gazetoj de 23 urboj aperis 167 artikoloj. — La etika semajna gazeto „Nový Lid" havas Esperanto-rubrikon. — Moravia ĵurnalo „Moravsko-slezský denník" en Mor. Ostrava alportas semajne 1—2 kolonojn, redaktitajn de D-ro Parma. — „Foira gazeto Praha" alportis artikoleton favoran por Esperanto en radio. — Serioza semajna gazeto „Přítomnost" (Estanteco) enhavas dupaĝan artikolon „Esperanto en praktiko" de H. O. Boczkowski.

## Franclando.

*Le Havre.* — La komerca ĉambro ĵus decidis, ke ĉe la du ĉefaj klasoj de ĝia supera komerca lernejo Esperanto estu instruata.

*Marseille.* — Ĉiuĵaŭda kurso gvidata de S-ro Isnard.

*Paris.* — La 22-an de Majo en Foiro de Paris S-ro Grandjean, prezidanto de la asocio „Esperanto et Commerce" (Esperanto kaj Komerco), proponis al la ĉeestantoj de la kongreso de tiu asocio planon por efektivigo de granda esperanta komerca societo je akcioj, laŭ ideo de S-ro Baudet, vicprezidanto de la Komerca Ĉambro de Paris. Diversaj estos la celoj de tiu societo, la unua estos organizo de perkorespondadaj kursoj pri Esperanto. La propono estis tuj prikonsentata de la kongresanoj kaj je la fino de Majo jam pli ol la duono de la necesa kapitalo estis kolektita.

∴ La 23-an de Majo en la sama loko okazis konkurso de esperanta maŝinskribado. La venkintino de la dek gepartoprenintoj estas F-ino Piau, oficistino ĉe la Internacia Oficejo de Laboro en Genève.

∴ La Universala Perkorespondada Lernejo de Paris, kiu havas proksimume 60000 lernantojn, instruas de nun Esperanton samtempe kun la angla, hispana, itala kaj germana.

*Perpignan.* — Funkcias tri kursoj kaj unu kurso de esperanta stenografio.

*Toulouse.* — Fondiĝis studenta grupo direktata de S-roj Salles, Piorko, Laroche, Zylberŝtejn kaj Litvin.

## Germanio.

Novaj grupoj: Essen (Ruhr), Harburg (Elbe).

Kursoj: Berlin (por radioaŭskultintoj), Dresden (12 p.), Krefeld (10 p.), Pirna (13 p.), Vechta i. Old. (21 p.), Wiesbaden (25 flegistinoj de la Ruĝa Kruco). Finiĝis kursoj en Chemnitz (en tri superaj lernejoj), Hamburg-Altona (15 p.). En lernejoj Esperanto estas instruata en Chemnitz, Glauchau kaj Breslau; en Potsdam ekzameno de gelernantoj antaŭ granda publiko, ĉeestis S-ro Ĉe kaj F-ino Root el Ameriko.

Grupa vivo: Altona: 12. IV. memorfesto je memortago de nia Majstro; Dresden: 18. V. vizitoj de S-ro Hans Jakob el Ĝenevo kaj F-ino Root el Pittsburg; Plauen i. V.: valoraj paroladoj kaj „Mozart-vespero" kun Esperanto-tekstoj, ekzameno pri kapableco (7 p.).

Radio: stacio Dresden dissendis 24. IV. paroladon de S-ro D-ro Arnhold pri memoro de nia Majstro; stacioj Leipzig-Dresden disaŭdigas ĉiutage meteorologiajn notojn de observejoj Leipzig, Dresden, Magdeburg kaj Weimar en germana kaj esperanta lingvoj.

Poŝto: La estraro de G. E. A. ricevis de Respublika Poŝtministerio jenan skribaĵon (en germana):

Poŝtministro IIIa/VI J 95 — Berlin W 66, la 12-an de Aprilo 1926. Leipziger Str. 15

Al Germana Esperanto-Asocio, r. S., oficejo
Dresden-N., Hauptstr. 38

Esperanto kiel klara lingvo en telegramtrafiko.

Mi havas la honoron, sciigi al Germana Esperanto-Asocio, ke laŭ decidoj de Internacia Telegraf-Konferenco en Paris depost 1 Novembro nunjara Esperanto estos rigardata kiel klara lingvo tiel en interna germana kiel ankaŭ en internacia telegramtrafiko. Komisiite: Craemer.

*Plauen i. V.* — Al la printempa kunveno de la distrikta kunveno en Ruppertsgrün i. V. partoprenis ĉirkaŭe 90 personoj el Vogtlando kaj apuda regiono, ĉeestis ankaŭ la Direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, profesoro D-ro Dietterle; S-ro Otto (Plauen) prezidis la kunvenon.

Dum laborkunsido oni priparolis propagandmetodojn, instruadon kaj uzadon de Esperanto. Precipe oni konstatis, ke ankoraŭ pli necese ol la kolekto de kursanoj estas la tasko, gajni pli multe de ili kiel daŭraj anoj por nia movado. Tiurilate pli multe ol ĝis nun oni penu, ke la gejunuloj lernintaj Esperanton dum la lerneja tempo estu allogataj al la lokaj grupoj. Plue oni pledis por pli da praktika uzo de la lingvo, ĉu por idealaj ĉu por negocaj aferoj. Oni rekomendis ankaŭ la plej eble oftan

invitos de eksterlandanoj; kaj najbaraj grupoj pli multe interkomunikiĝu amike per komunaj ekskursoj kaj kunvenoj.

Bonege ludita teatraĵo de la grupo en Falkenstein, belegaj kantoj de S-ino Gerbeth (Plauen) kaj dancado pliagrabligis la kunvenon.

## Hispanio.

*Barcelona.* — S-ro Teo Jung, kiu vizitis la florajn ludojn, disaŭdigis sian poemon premiitan de la natura floro.

∴ Grupo „Nova Sento", Wad-Ras 195 elektis novan estraron. Prez.: José M. Gorriz; VP.: S-ro Petro Vives; Sekr.: J. Bolós; Kas.: S. Vives.

*Palma de Mallorca.* — Funkcias kurso gvidata de S-ro N. Bofill, la prezidanto. Okazis ĝenerala kunveno de la Palma Klubo, oni elektis prezidanto S-ron Jose Rosselló.

*Rubi.* — Paroladoj de S-roj Gran, Solá kaj Dalman, post kio fondiĝis kursoj.

## Hungario.

*Budapest.* — Parolis pri E. en la Ligo de Hungaraj Dommastrinoj antaŭ proksimume 200 virinoj F-ino D-ro Nora Kozma kaj pri la servoj de UEA S-ro P. Balkányi.

∴ En la kafejo Seemann (Vilmos császár-ut) kunvenas nun ĉiumerkrede flue parolantaj esperantistoj. Legis D-ro Lóránd pri terapio, S-ro Baghy pri „Evoluo de Esperanto."

∴ Fotografa firmo Çsiky eldonas de nun siajn albumojn kaj poŝtkartojn kun Esperanta teksto, apud la kvar naciaj.

∴ Dum la internacia foiro venis salutoj en Esperanto el radiostacioj de Breslau, Genève, Kjobenhavn, Madrid, Wien; oficiala esperantista tradukisto laboris ĉe la foira oficejo.

∴ La Societo de Sikulaj Studentoj akceptis Esperanton, kiel oficialan lingvon por eksterlanda uzado kaj publikigis en bulteno apartan 2folian gazeton nomitan „Por Transsilvanio" en E.

∴ S-ino Nora Kozma parolis pri la fama porpaca libro de verkisto Andreo Lackó „Homoj en la milito" kaj laŭtlegis unu novelon el tiu libro. D-ro Lóránd parolis pri pragermana poezio.

## Insulo Sta. Heleno.

Sur tiu insulo nun estas 5 britaj samideanoj; ni ĝojus pri regula rilato al nia internacia movado.

## Insulo Sta. Tomaso (Afriko).

Plua pruvo kiom disvastigita estas nia movado pruvas la ekzisto de samideano sur tiu insulo de la portugalaj kolonioj en Okcidenta Afriko, S-ro Pina, poŝtoficisto.

## Irlando.

*Dublin.* — Antaŭ kelkaj monatoj fondiĝis „Irlanda Esperanto-Asocio", kaj gvidis du kursojn semajne por lernantoj kaj progresantoj.

Ĉe ekspozicio oni montris esperantaĵojn kaj demonstraciis la lingvon per gramafonaj diskoj, surparolitaj de D-ro Privat.

Estas pluraj blindaj samideanoj lernantaj la lingvon kaj legantaj blindulan gazeton „Esperanta Ligilo."

## Italio.

∴ *XI-a Itala Esperanto-Kongreso* okazos en Livorno 19—20 Septembro 1926. Vizito al urboj Firenze, Piza kaj Adria Marbordo. Eksterlandanoj kore invitataj.

*Bari.* — Kursoj en la Reĝa Komerca Instituto, Reĝa Mara Instituto kaj Nacia Kolegio. En la Nacia Kolegio multaj albanaj studentoj ĉeestas la lecionojn. Gvidas la kursojn prof. Lacalendola de la Komerca Universitato. Alian kurson gvidas pastro prof. Bruno por la knabinstruistoj en la Tommaseo societo.

*Milano.* — Esperanto estas instruata en ses popollernejaj klasoj, nedevige, kaj en vesperaj teknikaj lernejoj, du klasoj, kiujn gvidas S-roj profesoroj Nobile kaj Mainardi.

La 12-a de Januaro la asesoro por la Publika Instruado Gr. Uff. prof. Jozefo Gallavresi malfermis superan kurson de Esperanto por geinstruistoj per favora parolado al nia movado.

Ĉeestis kvar Reĝaj Geinspektoroj por la Publika Instruado, la reprezentanto de l' Reĝa Provinca Provizoro por Instruado, la ĉefinspektoro por la Supera Vespera Instruado kaj la sekretario de l' Katolika Universitato. Gvidas tiun kurson S-ro prof. Mainardi.

Alian duagradan kurson gvidas S-ro prof. Piatti ĉe Esperanta Domo.

La delegito S-ro prof. Piatti aranĝis vesperajn propagandparoladojn ĉe teknikaj vesperaj lernejoj. Ĉiufoje ĉeestis pli ol 200 lernantoj, la profesoroj kaj la direktoroj de la lernejoj. Sekve du esperantaj kursoj estis malfermitaj.

*Genova.* — Ankaŭ nunjare la Komunuma Aŭtoritato starigis devigajn esp. kursojn en la Vespera Komplementa Lernejo „Gerolamo Boccardo" (Piazza de le Vigne), gvidataj de rajtigitaj instruistoj de la Liguria Esperanto-Instituto (sekcio de Itala Esperanto-Katedro)

*Napoli.* — Okazis 23-a de Majo ĉe la grava Ateneo Chierchia la inanguro de supera kurso de instruistoj kaj profesiuloj. Antaŭ cento da aŭskultantoj paroladis la Direktoro Com. Magliulo kaj S-ro Cesarini, delegito en Potenza. Ĉeestis ankaŭ Lia Ekscelenca Moŝto Admiralo Trifari, prezidanto de la loka Esperantista Rondo, kaj la eminenta Direktoro de la Ateneo Chierchia. La kurson gvidos S-ino Tammaro. *F. C.*

*Udine.* — Inaŭgur-festo de propra sidejo de la grupo (adreso: Via dell' Ospitale, 1 d) okazis la 6 Majo. Prezidanto, S-ano Franco Bodini, brile paroladis, ege aplaŭdita. Multe da ĉeestintoj. Belega ornamo de la grupejo. Valorplena fakto estas ke la grupan sidejon metis je nia dispono la loka urbestraro, tute senpage. Ĉiuvespere la sidejo estas malfermata kaj travojaĝantaj samideanoj kore estas petataj ĝin viziti.

*Voghera.* — En la salono de la ĉi tiea „Unione Ginnastica" (Gimnastika Unio) okazis publika parolado de la nelacigebla samideano D-ro Alfredo Stromboli pri: „La internaciaj sciencaj kaj komercaj interrilatoj kaj la defendo de la itala lingvo" (kun lumbildoj). Bona propagando por Esp. Ĉeestis pli ol ducent personoj.

## Japanlando.

En Japanio nun estas tri Radio-stacioj; en Tokio (J. O. A. K.), Osaka (J. O. B. K.) kaj Nagoja (J. O. C. K.) Privataj disaŭdigoj estas malpermesataj.

Osaka: en la 17 Februaro, de disaŭdigejo en Osaka Asahi Simbun, unu plej granda ĵurnalejo kaj la aeroplanoj, kiuj flugvizitis eŭropon, apartenas al ĉi tiu ĵurnalejo, S-ro A. Takao dissendis sian paroladon pri „Radio kaj Internacia lingvo" ĉ. duonhoron, sekvante dek lernantinoj de Furuja Knabina lernejo por angla lingvo, kie Esperanto estas instruata de la lernejestro de la lasta Septembro, faris disaŭdigon de ĥoro de „Espero kaj Tagiĝo" kaj aliaj anglaj kantoj.

Kaj en aliaj tagoj S-ro Takao ankaŭ dissendis esperante „Deveno de Virino" kaj aliajn el Krestomatio de tempo al tempo. Ankaŭ Esperantajn salutojn al samideanoj en Tingtao, Dairen, Seoul ktp. faris S-ro Takao.

Kumamoto: de la 20-a de Marto ĝis la 10-a de Majo, ĉiudimanĉa vespere po kvaronhoro, de la dissendejo en Meirenkan Halo al Kumamoto ekspoziciejo pri „Radio kaj Esperanto" esperante S-ro K. Koga kaj S-ro M. Terao tradukis japanen ĝin.

Fukuoka: la 4-an de Majo, Prof. Ĉ. Fuĵisaŭa esperante „Pri la valoro de Esperanto“ paroladis kaj S-ro Eguĉi tradukis japanen. Ankaŭ Prof. H. Oośima kantis „Esperon“ tiam. La dissendejo estas en Fukuoka Niĉi-niĉi ĵurnalejo, kaj la kolektiĝintaj aŭdintoj en Niŝi Parko estis pli ol 20000.

El *„Esperanto en Niponlando.“*

**Peticio pri Enketo koncerne Esperanton. Prezentita al Japana Parlamento.**

En la lasta jaro ni prezentis petskribon al la Japana Parlamento (Gikaj') por ke la registaro faru enketon pri enkonduko de Esperanto en element- kaj mezlernejoj, kaj dank' al klopodoj de la parlamentanoj favoraj por nia lingvo, ĝi estis unuanime akceptita.

Sed, ĝis hodiaŭ la registaro ankoraŭ ne komencas la enketon, tial en la fino de la lastjaro S-roj Yoŝi H. Iŝiguro, Hirokazu Kaĵi, Kuraĉi-Haruo, Ŝibata-Joŝikacu kaj Z. Tojokaŭa decidis, prezenti la petskribon ankoraŭfoje kaj instigi la registaron, ke ĝi faru la enketon kiel eble plej baldaŭ. Sed, pro la fino kaj komenco de la jaro ni ne povis presigi la cirkulerojn tuj kaj en la 15-a de Januaro apenaŭ finis dissendon de la cirkulerojn al lokaj grupoj. Malgraŭ tio, dank' al sindonemaj klopodoj de la samideanoj ĝis la 22-a — dum nur unu semajno — ni ja havis pli 1300 subskribojn el diversaj lokoj!!

Kaj en la 1-a de Februaro, (por la morto de ĉefministro grafo Kato ni devis prokrastigi la prezenton) ni transdonis la subskribaron al la parlamentanoj de supra kaj malsupra domoj. La parlamentanoj, kiuj bonkore prezentos ĝin, estas D-ro M. Saŭajanagi, prez. de Imperia Edukista Asocio kaj iama Rektoro de Imperia Universitato, kaj S-ro T. Takahaŝi en la supra domo, kaj S-ro Y. Ozaki, fama politikisto, R. Nagai, fama oratoro, T. Sugiura kaj S. Nakano en la malsupra domo.

## Litovio.

*Vilkaviŝkio.* — Fondiĝis nova grupo, aliĝis 20 membroj. Kursoj, gvidataj de S-ro Kasperaniĉius kaj S-ro I. Ŝidlauskas.

## Norvegio.

*Oslo.* — La gazeto „Norsk Radio“ enhavas en ĉiu numero esp. kurson kaj norveg-anglan-esp. radio-vortaron. *A. A.*

∴ Ĉefleŭtenanto Rolf Bugge-Paulsen parolis en la Radio-Klubo pri „E. kaj la amator-sendantoj.“

## Paragvajo.

*Asunción.* — Dank' al propagando de argentinaj kaj urugvaja samideanoj en la ĉefurbo de Paragvajo nun ekkomencas laboro por nia afero kiel ni sciiĝis el kelkaj korespondaĵoj rekte ricevitaj de tiu lando. Ni esperas pri bona sukceso.

## Pollando.

*Czortków.* — S-ro Hillel Oberländer gvidis senpagan kurson kun ses gelernantoj.

*Kraków.* — Societo „Esperanto“ ŝanĝis ejon; ĝia nova adreso estas: Societo „Esperanto“, Rynek glówni No. 34, oficyny II p., Kraków (esperante: ĉefa urbofoiro N-ro 34, malantaŭa domo, II-a etaĝo, Kraków). Por akiri tiun novan ejon multe helpis F-ino R. Weinsberg kaj S-ro advokato D-ro Adolf Gross, estinta parlamentdeputito. Kunvenoj okazas ĉiuĵaŭde je 8-a vespere.

∴ Societo „Esperanto“ elektis novan estraron: prezidanto profesoro Bujwid, vicprezidanto S-ro Goldberger, kasisto S-ro Schleichkorn, sekretario S-ro Kovalski, bibliotekisto S-ro Hovadovski. Adreso: ĉe la sekretario, Grzegórzecka 14-I.

*Królewska Huta.* — 25. II. 1926 faris S-ro Kolodziej en „Dom Ludowy“ por laboristoj propagandparoladon pri Esperanto. 5. III. 1926 komenciĝis Esperanto-kurso por laboristoj en lernejo XII., partoprenas 34 p.; kursgvidanto S-ro Kolodziej.

∴ „Rondo Esperantista“ aranĝas sian monatan kunvenon ĉiun unuan ĵaŭdon je la 7-a vespere en „Dom Polski“, ul. Wolnosci. Gesamideanoj kaj Esperanto-amikoj estas ĉiam bonvenaj. Ekzercvesperoj okazas ĉiun ĵaŭdon je la 7-a—9-a en lernejo XII, ul. Katowicka. — 17. IV. 1926 aranĝis „Rondo Esperantista“ okaze de la unua jaro de fondiĝo fondiĝfeston kun dancado en „Dom Polski“.

*Rośdzień* (Silezio). — 1. II. 1926 fondiĝis nova Esperanto-grupo „Espero“; prezidanto S-ro Cichy, sekretario S-ro Cieply, kasisto S-ro Mikunda; fondinto S-ro Kolodziej.

## Portugalo.

*Lisboa.* — La apero de la monata revuo „Portugal-Esperanto“ anigis sufiĉe grandan nombron da portugalaj samideanoj ne nur el la urbo sed precipe el la provinco. „Associação Portuguesa de Esperanto“ eniris en la oficialan esperantan movadon per aliĝo al Centra Movado. — S-ro Ferreira do Amaral, Ĝenerala Komandanto de la Polico, akceptis esti la Honora Prezidanto de Tutmonda Polico-Ligo en Portugalo.

## Rumanio.

*Arad.* — S-ro Bartha, Delegito de UEA, gvidas kurson por 18 komencantoj (oficistoj, profesoroj, ĵurnalistoj) en la Komerca Altlernejo. Samloke kurso por progresantoj. Kunvenoj ĉiumarde vespere en hotelo „Cruces Alba“. — 2. V. 1926 sukcesa amuzkunveno en liceo Iosif Vulcan aranĝita de la esperanta sekcio de Libera Universitato.

*Bucuresti.* — D-ro Olŝvanger, la fama cionista oratoro el London, paroladis en Esperanto-Centro Rumana. La 2-an de Majo S-ro Henriko Fischer, L. K., konferencis pri „Esperanto, ĝiaj bezonoj kaj graveco“ antaŭ pli ol 100 personoj en la praktika lernejo de Komerca Ĉambro. Ĉeestis ankaŭ la direktoro de „Scoala Practica a Camerei de Comert“, S-ro Teodoru, ĝenerala sekretario de la Bukureŝta Komerca Ĉambro. Post la konferenco la direktoro afable montris al la publiko la moderne aranĝitan lernejon kaj oferis la lernejon kune kun la kino lerneja „je ĉiama gastejo kaj renkontejo esperantista“. — La 6-an de Majo S-ro T. Morariu, ĉefdelegito de UEA, komencis publikan Esperanto-kurson en menciita lernejo.

∴ La Komerca Ĉambro de Bukureŝto estas ema fondi esperantan fakon. Tre efikus alsendo de ĉiuspecaj komercaj reklamiloj, foiraj prospektoj, katalogoj esperantaj ktp., poŝtkartoj ilustritaj evitendaj. Adreso: Camera de Comert, Secretariat General, Bucuresti

∴ La 7-an de Majo malfermiĝis kurso publika en liceo „Libros“, gvidas S-ro T. Morariu. La kursoj okazas laŭ rekta metodo. Pri la kursoj aperis multaj artikoloj precipe en „Dimineata“ kaj „Adeverul“.

∴ S-ro Henriko Fischer, L. K., faris paroladon dum Majo en pavilono „Ĝib“ (parko Carol) antaŭ 200 personoj. En la sama loko S-ro Fischer komencis kurson.

*Cluj.* — D-ro Lócsey gvidas kurson por intima rondo de intelektuloj.

*Galati.* — En la bela havenurbo de l' ĉijara Rumana Esperanto-Kongreso okazonta dum fino de Aŭgusto Esperanto-Centro Rumana preparas publikan kurson. — Dum 6—8 Majo okazis en Galac la konferenco de l' pola kaj rumana gazetaro. Esperanto-Centro Rumana, sciiĝinte el „Heroldo“, ke pola ministro Grabowski „paroladis duonhore ĉe la malkovra festeno de l' tomba monumento de D-ro Zamenhof — entuziasmiginte la tutan ĉeestantaron“, telegrafe salutis la poresperantan oratoron, gvidanto de la pola ĵurnalista delegitaro ĉe la galaca konferenco. La

telegramo estis laŭtlegita en la internacia konferenco kaj sekvantan tagon ĉiuj rumanaj gazetoj (eble ankaŭ la polaj?!) raportis pri tio.

*Orŝova.* — S-ro M. Dudaŝ, delegito de UEA, gvidas publikan Esperanto-kurson en Katolika Domo.

*Radauti.* — S-ro Weidenfeld gvidas kurson por 40 personoj.

*Petroŝeni.* — S-ro J. Kanduth komencis kurson. Vigla propagando. Sukcesa varbado por UEA.

*Timisoara.* — La tieaj samideanoj aranĝis ekskurson sub la gvido de S-ro J. Csapo, vicdelegito de UEA.

## Salvadoro.

∴ Meksika Esperanto-Societo sciigis al I. C. K., ke laŭ speciala peto de la Laborista Federacio de Salvadoro ĝi plurfoje sendis lernmaterialon al tiu lando. Oni do povas esperi pri baldaŭa starigo de movado en tiu lando, kiu permesas konstantan rilataron kun nia kontinento.

## Siamo.

*Bangkok.* — Kelkaj indiĝenoj interesiĝis pri lernolibroj de Esperanto. Tiamaniere ni povos esperi, tie baldaŭ havi reprezentantojn enlandajn de nia lingvo.

## Sirio.

*Beyrouth.* — Sekve al rekta propagando de Internacia Centra Komitato ni konstatas plezure la esperantistiĝon de malgranda rondo da divers-naciaj instruistoj (perso, arabo, armeno, amerikano, hebreo, franco, anglo). Grupo baldaŭ estos formata.

## Sudano Franca.

*Bamako.* — Ĉe la rivero Nigero franca samideano G. Avid servas kiel ŝtata oficisto de la senfadena telegrafstacio. Kiel sekvo de lia propagando tie troviĝas nun kelkaj esperantistoj.

## Sudslavio.

*Mostar.* — Finiĝis E. kurso kiun gvidis S-ro N. Jerič. Nune komenciĝis dua kurso en Serba Komerc-Metiista Junularo kun 12 p. Kurson gvidas S-ro Dan. Irkulja.

## Turkio.

*Stambul.* — Kelkaj fremdaj samideanoj rifuĝintaj en Bizantio decidis kunveni regule kaj klopodi por interesigi kun helpo de la loka Delegito de UEA S-ro Hilmi Djelil Bej la loĝantaron. Kunvenejo: Restoracio Rubin, Tepe Baŝi, Pera. *Iv. H. K.*

## Usono.

*Boston.* — Dank' al klopodo de profesoro J. Benŝahar, fondiĝis filio de „World Union of Association for the Blind", Inc., kaj estis elektita loka komitato.

Por honorigi la ĉeeston de profesoro Benŝahar dum sia ĉiujara festeno-prezentado, la mondfama Perkins Blindula Instituto donis specialan esperantan prezentadon — ludaĵon, kiu bonege sukcesis.

*Minneapolis.* — De 17 Majo S-ro D-ro Edwin L. Clarke, de la Univers. Stacio Wcco disaŭdigos lecionojn pri E. 20 horo Centra Usono.

*Cleveland* (Ohio). — S-ro Benŝahar vera apostolo de nia afero venis tie-ĉi kaj kun helpo de la Del. de UEA, S-ro Kozminski fondis grupon. Ĉiulunde vespere je la 7.35, S-ro W. A. Donner, la Vicprezidanto de la „Cleveland Esperanto Society" disaŭdigas Esperanto-kurson de Radio-Stacio „WHK" en Cleveland, Ohio (WHK — 273 metroj).

*Wauwatosa* (Wisconsin). — S-ro Hamann progagandisto multe klopodas.

# En kelkaj linioj . . . .

. . . . **„Holanda Esperantisto"**, organo de la Nederlanda Esperanto-movado, petas atenti pri la redakcia adreso: *Adriaan Kloek, Brinkstraat 7, Amsterdam (Holland)* kaj

. . . . **„Nederlanda Federacio de Laboristaj Esperantistoj** kun periodaĵo **„Intermembra Informilo"**, adreso: *Adriaan Kloek, Brinkstraat 7, Amsterdam (Holland).*

. . . . *VIZITANTOJN DE PRAHA kore invitas Esperantista Klubo, Praha, Příkop 1. kafejo Edison, al siaj kunvenoj okazantaj ĉiuvendrede je 20-a horo*

. . . . *F-ino* **Rousset**, *Del. de UEA,* **Avignon**, *plezure gvidos samideanojn vizitantajn la urbon.*

. . . . La francaj esperantistoj organizos Renkonton esperantistan en Cannes dum 22—28 Aŭgusto. Belega regiono, variaj amuzaĵoj, marbano ktp. kaj kio gravas ne multekosta restado, proks. 25—30 fr. fr. po tago. Informojn donas la delegito de UEA, S-ro Cresp, 14 rue du Dr. Gazagnaire, Cannes.

. . . . *SALDANHA CARREIRA, delegito de UEA en Lisbono (Adr.: Apartado 104, Lisboa), petas al ĉiuj, kiuj opinias interesa la oficialan eniron de Esperanto en la bankaj rondoj, la favoron sendi al la ĉi-supra adreso la eblajn dokumentojn kaj informojn pri tiu ĉi afero, por ke li mem provu malfermi esperantan kurson en la Portugala Banko Antaŭdankojn*

. . . . ke oni ne povas sendi senpage la verketon „Devoj de la homo" de Giuseppe Mazzini. Ĝi estas ricevebla kontraŭ pago de 1,50 liroj italaj = 30 centimoj svisaj, 0,25 ormarko, 2 pencoj. Adreso: Ettore Managlia, Laborista Esperanto-Grupo, Casella postale 922, Genova, Italio.

. . . . Profesoro *Wieslaw de Jezierski,* Poŝtkesto 18, **Lida,** Pol., prelegas universitatan kurson pri „Historio de la naturaj kaj artaj internaciaj lingvoj kaj internacilingva movado". Li danke akceptas taŭgajn verkojn, esperantaĵojn ktp.

. . . . Por grava propaganda laboro en la Katolika Junmetiista Unuiĝo ni nepre bezonas la adresojn de la esperantistaj membroj, estraranoj kaj pastraj gvidantoj (Praesides) de tia asocio kaj precipe informojn pri ĉiuj Esp.-sekcioj, kursoj kaj paroladoj, kiuj okazas aŭ okazis en la lokaj unuiĝoj. Kie la katolika junmetiista domo estas kunvenejo de Esperanto-grupo? Detalojn sendu al Wilh. Solzbacher, Honnef a. Rh., Spiesgasse 12, Germ.

. . . . *Kongresanoj traveturantaj Hamburgon estas kore bonvenataj. Oni sciigu alvenon al la Del. de UEA, S-ro A B C Senff, Alsterdamm 17, Zimmer 414. Kunvenoj de la grupo ĉiuvespere en restoracio „Alsterlust".*

. . . . La Torquay Esp.-Societo aranĝis kun la urba konsilantaro havi Esp.-resumon en la anglepresita gvidlibro; oni sendos ekz. senpage kontraŭ respondkupono; skribu rekte al S-ro J. M Scott, Publicity Dept., Medical Baths, Torquay, Devon, Anglujo.

. . . . La unua Paneŭropa kongreso okazos en Vieno, 4 ĝis 7 Oktobro 1926. La Paneŭropa Unio invitas al la kongreso ĉiujn favorantojn de Eŭropa Kunligo, sen konsidero de apartaj problemoj. Aliĝoj estu sendataj al la Centra Oficejo de la Paneŭropa Unio, Hofburg, Wien I kaj al la Oesterreichische Verkehrsbüro, Friedrichstrasse, Wien I aŭ ties eksterlandaj filioj.

---

**La venonta numero de**

**ESPERANTO**

**aliros meze de Septembro kaj enhavos la raporton pri la Edinburga Kongreso**

# Gazetara Servo.

Propono al la Dekoka Kongreso de *Albrecht Naumann* gazetara komitatestro de Germana Esperanto-Asocio.

Jam de post ses jaroj mi prilaboras la gazetaran servon por Germanio. Komisiite de Germana Esperanto-Asocio mi komencis eldoni en Julio 1920 foliojn „Esperanto-anguloj", kiuj enhavis ĉiam materialon represotan por kvar semajnoj. Statistike kolektante la represitaĵojn en ĉiuspecaj gazetoj kaj ĵurnaloj mi numeris la notojn sur la folioj „Presse-Korrespondenz" (gazetara korespondaĵo) laŭ la samaj de grandaj korespondaĵoficejoj. De post unu jaro aperas la „gazetaraj korespondaĵoj" ĉiun unuan kaj dekkvinan de monato. Tiamaniere la germana gazetaro pli rapide povas represi sukcesojn de Esperanto kaj ankaŭ faras tion.

Sed nun ekestis nova zorgo, kiel rapidigi la raportadon. La ĉefaj fontoj por mia laboro estas la Esperanta gazetaro. Ĝin mi ricevas pro mia kunlaboro ĉe „Germana Esperantisto" (movado, gazetaro). Tio estas la ĝisnuna, sole ebla maniero, akiri eksterlandan materialon pri novaj sukcesoj. La gazetaro nur interesiĝas pri rapida raportado. Pro tio ĝi ankaŭ multfoje rifuzas materialon tro malnovan. Mi ne povas riproĉi ĝin, ĉar ĝenerale daŭras du ĝis kvar aŭ kvin semajnoj, ĝiskiam mi povas valorigi ĝin. Tiu vojo ĝis la nacia gazetaro estas tro longa, se ni interesas nin pri ofta menciado de Esperanto en la gazetoj.

Ĝoje mi povas konstati, ke ekzistas simila al la nia gazetara servo en Hungarlando kaj Francio kaj tia por internaciaj organizaĵoj neesperantistaj de Internacia Centra Komitato. La interŝanĝo de miaj „korespondaĵoj" kun tiuj nomitaj mallongigis la interspacon de la okazintaĵoj kaj la raporto. Nur unu malhelpaĵo estas venkebla! La lingvo! La gazetara servo estas destinita en ĉiu okazo por la enlanda gazetaro. Pro tio ĝi aperas en nacia lingvo. Do estas la sekvo de la interŝanĝo, ke ni Esperantistoj lernu ankaŭ la diversajn naciajn lingvojn por povi elĉerpi la „gazetarajn korespondaĵojn". Tio estas sensencaĵo. Por plirapidi la raportadon mi proponas pro la nomitaj kaŭzoj jenon:

La naciaj organizaĵoj aranĝu Esperantan Gazetaran Servon por interŝanĝi notojn pri gravaj okazintaĵoj inter la organizaĵoj mem. La Servo ne aperu je certaj tempoj, sed tuj post iu grava okazintaĵo sur Esperanto-kampo. Ili estu sendotaj nur al I. C.K. kaj la naciaj Gazetaraj Servoj.

En la nuna tempo, kiam Esperanto venkas multajn malhelpaĵojn, estas nepre necese, tuj raporti pri ĉio, kio okazis. Do estas ankaŭ nepre necese, ke ĉiuj naciaj organizaĵoj vere serioze aranĝu Gazetarajn Komitatojn, kiuj organizos la Gazetaran Servon enlandan kaj ankaŭ partoprenos la Servon internacian. I. C. K. jam kelkfoje alvokis tiun agadon, sed ĝi ne ricevis subtenon sufiĉan kaj indan je la graveco de l' afero. Per tiuj linioj mi volas skui la konsciencojn de la estraroj de la ĝis nun silentemaj organizaĵoj, fari nun siajn devojn.

Grandaj esperantistaj kunvenoj mem havas la devon, sendi per siaj sekretarioj raportojn al la naciaj Gazetaraj Servoj aŭ la Gazetara Servo de la koncerna lando transprenas tiun taskon.

La Internacia Esperanto-Servo de I. C. K. ne superfluiĝos per mia provita aranĝaĵo! Ĝi servos — laŭ eldiroj de I. C. K. mem — des pli bone en la propagando de la grandaj ne-esperantistaj organizaĵoj, kaj ĝi samtempe servos al la naciaj servoj kiel ligilo. Ĝi ja povas enhavi valorajn kunmetaĵojn pri tiuj fakoj, ekz. evoluo de Esperanto en sfero radia, poŝta, trafika, ktp., dum la naciaj servoj nur tuj devas raporti pri okazintaĵoj, sukcesoj. Certe tia interŝanĝado vigligas la Esperanto-vivon en diversaj landoj.

Mi esperas, ke dum la XVIII-a kongreso oni ankaŭ parolos pri mia propono. Eble I. C. K. mem transprenos la taskon priparoli la aferon, ĉar mi mem ne povas ĉeesti la kongreson. Mi ĝojus, se per mia propono iom pliboniĝos la esperanta raportado, al kiu poste ankaŭ povus sekvi raportado pri ne-esperantistaĵoj.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-sroj Staritsky-Sevenhuijsen, en Haarlem naskiĝis filino Vera, 5 Junio 1926.

— Al Ge-roj *Raymond Laval*, Del. en Le Perreu naskiĝis filino, Monique, 10 Junio 1926.

— Al nia malnova delegito, en Batak, Bulgario, S-ro Petr V. Toŝkop, la 21-an de Aprilo 1926, naskiĝis 5-a ido-filino, nomita Katja.

— La 8-an de Majo al ges-anoj *Ruhama* kaj *Jozef Tajc* en Tel Aviv (Palestino) naskiĝis la unua infano, filineto, nomita Tehila.

— La 5-a de Januaro naskis fileto al S-ro *Alvarez Perez* en Caracas (Venezuela) kiu nomigas Oscar Augusto.

— Al Ge-sroj *Dina* kaj *Fernando Zacché*, Mantova (Italio), naskiĝis filino nomita Fernanda Benita.

— Al Ge-sroj D-ro *Walter Lippmann*, ano de la Esperantista Akademio, Leipzig, naskiĝis filo.

**Edziĝoj.** — S-ro *A. P G. Droste*, ano de UEA en Utrecht kun F-ino *Ida Kin* esp-ino el Antwerpen.

— S-ro *Alfredo Giacca*, ano de UEA en Montevideo kun F-ino *Alejandrina Mutter*.

— S-ro *Edgaro Grot*, VD de UEA en Riga kun F-ino *Olonjo Ŝvan*.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **B. Pickmann-Mann**, (Bopomano) malnova kaj maljuna sam-ano en Washington, fidela ano de UEA.

S-ro **Walter Ashworth Hampson**, juristo, 54 jara, Subtenanta Membro de UEA, post longa malsano, 17 Majo 1926 en Whiston.

S-ro **Ralph Eliott**, advokato, Del. de UEA en Plymouth, fondinto de Kvakera Societo Esperantista.

F-ino **Emilie Straub**, anino de UEA, membro kaj sekretariino de Grupo Esperantista en Neuchâtel (Svislando) mortis subite la 5-an de Majo. Malnova kaj tre klera samideanino, ŝi akiris la superan svisan diplomon en 1908, direktis kursojn, estis komitatanino de S. E. S. kaj ĉiam lerte kaj ofereme laboris por nia movado, kiun ŝi tutkore amis.

S-ro **Karl Lind**, Delegito de UEA en Altona post trankvile portita suferado.

F-ino **Elisabeth Fassbind**, anino de UEA 13172 en Berlin, 22 Aprilo 1926.

La 21. 6. 1926 mortis nia kursano **Matthias Meiners**, 12-jara filo de nia MA (23495) Hans Meiners, kunfondinto de nia Esperanto-Societo „Rejnstelo", Rheydt.

La 22. 6. 1926 mortis nia samideanino **Maria Lutz**, Rheydt, edzino de nia samideano instruisto Josef Lutz kaj patrino de la fervora esperantisto Josef Lutz, gimnaziano.



 **PLENDOJ** 

Ni regule ricevas plendojn kontraŭ anoncintoj nerespondantaj korespondaĵojn. Sekvante ripetitan instigon ni de nun publikigas tiujn plendojn pri tiuj personoj. Ĉar ni ne posedas eblecon de kontrolo, la sendintoj estas respondecaj. (Red.)

1. S-ro *Anton Karatnyckyj* en Kolomea, avertas pri S-roj Johannes Kalamees kaj Boris Barmin ambaŭ en Tallinn. Ambaŭ anoncis en „Esperanto", Aprilo 1925 sed ne respondas je sendaĵoj rekomenditaj.

* * *

## AVERTO!

*Delegitoj, Esperantistoj!*

**Georgo Vahl**

naskita la 18. Februaro 1904 en Miskolc, lasta loĝejo Budapest VII. Damjanich-utca 30 (ne estis kaj ne estas ano de UEA) pruntepetis de delegito 500 lirojn kaj surtuton kaj malaperis. Simile li agis en multaj urboj ĉe eklezioj estraroj. La gepatroj ne respondecas. Al Hungario li ne povus reveni. Utilajn sciigojn pri li al la C. O. de UEA aŭ al la ĉefdelegito S-ro Balkányi, Hajós u. 15, Budapest VI.

## REDAKCIA NOTO

### Kio estas la saloj fiziologiaj mineralaj de D-ro Grabley por animaloj?

Jam Justus de Liebig ree atentigis la signifon de la mineraloj en la nutrado kaj la fiziologo Karlo Voigt jam en la jaro 1869 nomis ilin gravaj elementoj nutraj. Sed nur S-ro D-ro Paulo Grabley klarigis ilian altan valoron, eĉ ilian necesegecon por la biologia funkciado de la organoj.

Hundoj kaj aliaj animaloj, kiujn oni prove nutris per nutraĵo sufiĉega sed sen mineralaj elementoj, pereis post mallonga tempo malgraŭ alia bona fiegado. Junaj animaloj kreskis mizere, dum animaloj, kiuj ricevis nur nesufiĉan nutraĵon kun riĉa aldono de nutraj saloj, bonege prosperis. Similaj observadoj fariĝis de jaroj ankaŭ en la homa nutrado.

La necesegaj elementoj mineralaj por la vivado estas ĉefe: kalio (potassium), kalko (calcium), ligaĵoj de fosforo kaj fero, sulfo, magnezio, fluoro, natrio, silicio kaj manganato. Pro la intersekva plimalriĉado de la kulturita tero la naturaj nutraĵoj nun ne enhavas tiujn elementojn en sufiĉa kvanto. Ĉiu animala speco bezonas ilin en specialaj proporcioj.

La celo de 25-jara laborado de D-ro Paulo Grabley estis eltrovi tiujn proporciojn. Ke bonege sukcesis en tiu klopodo pruvas la brilega efikado de liaj salligaĵoj, kiu igas ĉian alian aldonon de mineraloj superfluaj.

La efiko de la saloj Grabley, kiuj estas aldonotaj en malgrandaj kvantoj al la mola nutraĵo, estas tia, ke parto de la aĵoj servas la ŝanĝon de la elementoj kaj la ceteraj servas la konstruon de la animala korpo.

La rezultato estas ne nur pli granda kresko kaj pli riĉa produktado, sed ankaŭ speciale pli forta imuneco kontraŭ bestaj epidemioj ktp. Tio havas grandegan valoron.

Oni serĉas personojn kiuj interesiĝas pri tiu grava problemo por enkonduki la salojn Grabley, aŭ kiel mem-aĉetantoj aŭ kiel reprezentantoj. Ili estas petataj skribi al S-ro F. Paris, Belchenstr. 2, Basel, kiu bonvole donos la necesan informon.

En kelke da landoj kun tre perfektigita terkulturo la saloj Grabley estas ĉiutagaj aldonataj kaj ilia konsumado konstante pligrandiĝas.

## REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

**Tarifo:**

**Korespondado:** Unu enskribo: 1.— frk. sv.
**Petoj kaj Proponoj:** 10 vortoj: 0.75 frk. sv..
**Reklamo:** Unu cm unukolona: 2.50 frk. sv.

**Naciaj prezoj:**

**Albanio:** 5, 3, 10 it. lir.; **Argentino:** 0.50, 0.40, 2 pesos oro: **Aŭstralio:** 10 p. 6 p., 2 ŝil.; **Aŭstrio:** 1.25, 1, 3.50 ŝil.; **Belgio:** 4, 3. 10 frk. belg.; **Brazilo:** 1.25, 1, 3.50 Milr.; **Britlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Bulgario:** 30, 20, 60 levoj; **Ĉeĥoslovakio:** 6, 5, 10 kĉ.; **Ĉinio:** 0.25 0.20, 0.80 arĝ. dol.; **Danmarko kaj Islando:** 1, 0,75, 2,50 kr.; **Danzig:** 1, 0.75, 2.50 guld.; **Estonio:** 60, 50, 150 emk.; **Finnlando:** 6, 5, 20 fmk.; **Franclando:** 4, 3, 10 frk.; **Germanio:** 0.80, 0.60, 2 RM; **Greklando:** 12, 10, 30 dr.; **Hispanio:** 1,25, 1, 3 pes.; **Hungario:** 1, 0.75, 2.50 kr. oro; **Irlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Italio:** 5, 3, 10 lir.; **Japanio:** 0.50, 0.35, 1.25 jen.; **Jugoslavio:** 10, 8, 30 din.; **Latvio:** 1, 0,75, 5 lit.: **Luksemburgo:** 4, 3, 10 frk.: **Nederlando:** 0.50, 0.35, 1.25 guld.; **Norvegio:** 1, 0.75, 2.50 kr.; **Pollando:** 1, 0.75, 2.50 zlot.; **Portugalo:** 4, 3, 10 esk.; **Svedio:** 0.50, 0.40, 2 kr.; **Svislando:** 1, 0.75, 2.50 frk., **Turkio:** 25, 20, 60 piastr.; **USA., Kanado, Centra kaj Suda Ameriko, Antilioj, Kubo:** 0.20, 0.15, 0.50 dol.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Afriko.

**Bulawayo (Suda Rodezio).** F-ino H. Mac Donald, 29-a Livingstone Road, Selborne Ave., PI, precipe kun ekstereŭropanoj.

### Aŭstrio.

**Wien 9.** S-ro Viktor Bernhard, Währingergürtel 160|14, kun negermanoj, prefere kun francaj gesamideanoj, L esperante, angle, germane pri Esperanto-movado, lingvaĵoj, moroj kaj kutimoj, turismo, PM.

### Belglando.

**Borgerhout.** S-ro Th. Verschueren, Oedekovenstraat 44, PI bfl sen korespondado.

**Schaerbeek.** S-ro V. Lamberts, 55 Ave. Hamoir, PM neuzitajn laŭ Yvert, sendos PM el Belgio, Luksemburgo, Kongo. Uzitajn PM laŭvole. Ne respondas al bagatelaĵoj.

### Britlando.

**Burnley.** S-ro Robert Holgate, 59 Scott Street, Cheapside, L, PK, kun gravuristoj ĉl.

### Bulgario.

**Ĉirpan.** S-ro D-ro Georgi Zlatarev, PM, L, PI kĉl.

**Golemo-Selo (Kazanlaŝko).** S-ro Hristo Donĉev, PK, PI, L, esp-aĵoj kĉl.

**Petriĉ.** S-ro Georgi Andreev, oficisto, PI bfl, gaz., PM laŭdezire.

**Stanimaka.** S-ro Hristo Marinov, str. Car Asen 5, L, PI kĉl.

**Stara Zagora.** S-ro Ivan D. Sapunĝiev, Kv. Gibran 3664, L, PI kun gejunuloj ĉl.

**Stara Zagora.** S-ro Zlatko Ĉarakĉiev, Str. Gladstone, L, PI, PM kun gejunuloj.

**Stara Zagora.** S-ro inĝ. Hr. Trikjakin, ul. Rakovski 439, PK, L pri ĉiaj temoj kĉl.

### Ĉeĥoslovakio.

**Braunau.** S-ro Vilho Zocher, Trautenauer Str., PM kĉl. krom Germanio kaj Aŭstrio, ĉiam almenaŭ 200. La sama nombro de ĉeĥoslovakaj PM tuj ekspedataj.

**Olomouc.** S-ro Alois Vanĕk, Hejčínská 21, L, PI, PM kĉl., nepre respondos.

**Železnice u Jičína.** S-ro Jaromir Zajíček, redaktoro, PI, L kĉl., escepte Aŭstrio kaj Germanio.

### Ĉinio.

**Chinkiang (Kiangsu).** S-ro Naŭu Ĉanĝia Fu, Foo-Dzing-Kee Oil Shop, Yaw-yi-wan, L, PI, fotojn kĉl.

### Finnlando.

**Konnitsa.** S-ro Alpo Suomalainen, instruisto, PK, L pri kontraŭalkoholismo.

### Franclando.

**Nancy.** Esperantista grupo, adreso: S-ro J. Schmit, 40 rue de Mont-Desert, aŭ S-ro Weigel, 92 G de Rue, L, PM, gaz.

### Germanio.

**Bautzen.** S-ro Johannes Klötzer, Landständ. Oberschule, PI kaj L kĉl. esperante, germane, angle kun junularo.

**Bautzen.** S-ro Helmut Wähner, Landständ. Oberschule, L esperante, germane, angle kĉl., precipe Oriento kaj Afriko.

**Berlin W 10.** S-ro C. Walter, Hohenzollernstr. 11, PI bfl kĉl., escepte Germanio. Skribu klare vian adreson. Certe respondas.

**Dresden.** S-ro Robert Wolf, Alaunstr. 3, korespondadas kun bindistoj aŭ aliaj fakuloj pri pordaŭraj kontorlibroj kun folioj elmeteblaj, kartotekoj, libroj por traskribi kaj por librotenadmaŝinoj, kontorbezono kaj fakdemandoj.

**Landstuhl.** S-ro Leonardo Standt, Del. de UEA, komunuma sekretario, Fröhnstr. 2, L, P, PI bfl, kun ĉiuj eksterlandanoj pri ĉiaj temoj. Respondo certa.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Otto-von-Guerickestr. 61, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el eksterеŭropaj landoj.

**Mainz.** S-ro Karl Kaiser, Liebfrauenstr. 2, II, PI bfl, PM.

**Worms.** Dekduo da knaboj 14 jaraj deziras korespondadon kun eksterlandaj samaĝuloj, PK kaj L. Bonvolu skribi al Fr. Pfaff, instruisto, Del. de UEA, Seb. Münsterstr. 12.

### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro Francisco Pujo, Sicilia 286-2-0-2-0, PM.

**Benidormo.** S-ro T. Cortes Barceló Comillas 24, PK, L kĉl., precipe kun fraŭlinoj.

### Hungario.

**Gyöngyös.** S-ino Andor Melich, instruistedzino, 1599, PI, L pri naturscienco, etnografio, ĝeneralaj temoj, nur serioze.

### Irlando.

**Dublino.** S-ro Mortished, 32 Lower Abbey Street, por grupeto de lernantoj deziras unuiojan interŝanĝon de PI kĉl.

**Dublino.** S-ro F. R. A. Mc Cormick, 5 Mount Eden Road, Sekretario de la Irlanda Esperanto-Asocio, deziras gvidlibrojn, esperantajn propagandilojn ktp. por propagando en nia lando, li sendos belan PI de Dublino interŝanĝe. Helpu nian aleron.

### Italio.

**Brescia.** S-ino A. Bassi Valotti, instruistino, Via Cremona 1, L, PI, precipe kun anglaj kaj japanaj geinstruistoj.

**Brescia.** F-ino Gole Zaini, instruistino, Via Marsala 19, L, PI pri diversaj temoj kun tuta mondo.

**Roma.** D-ro V. Bruck, Institut International d' Agriculture, deziras konatiĝi kun travojaĝontaj samideanoj.

**Venezia.** S-ro Guido Secchieri, Ss. Apostoli 5623, esperantistaj grupaj fot-aĵoj kĉl. Nepre respondos.

### Japanio.

**Gifu-ken.** S-ro Yamada-Seiichi, Izumi-mura, Yamagata, PI, PM (nove-eldonitajn), esperantaĵojn, biletojn kĉl.

**Kioto.** S-ro Junichi Nakagawa, Minamigosho-cho 37, Okazaki, PM kun certaj filatelistoj.

**Kioto.** S-ro Takeo Karakawa, Shifuse-cho 25, Kitashirakawa, PM kun spertaj filatelistoj.

**Osaka.** S-ro J. Kaŭasaki, liceano, P. O. Kesto N-ro 6, Kiŝiŭada, PI kun geliceanoj.

### Kostariko.

**San José.** S-ro Alfonso Canossa, Ap. 828, PI, PK kun gejunuloj ĉl., precipe kun Oriento, Eŭropo kaj Afriko. Nepre respondos.

### Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj, fraŭlinoj aŭ plenaĝaj studentoj. Tiuj kiuj konsideras skribadi kvazaŭ punlaboron, kiuj ŝatas nur pritrakti pri veterŝanĝoj, aŭ kiuj havas determinatajn materialajn celojn, ne okupu sin pri tiu ĉi anonceto.

### Pollando.

**Boryslaw.** S-ro H. Berger, Targowica 556, PI, L, PK kĉl.

### Rumanio.

**Arad.** S-ro Karlo Lang, Bulv. Reg. Ferdinand 46, PM, PI.

**Arad.** S-ro Jozefo Wohlberg, Bulv. Reg. Ferdinand 46, PM nur kun eŭropaj ŝtatoj, precipe kun Italio, Svislando.

**Deva.** S-ro A. Ander, profesoro, PM kun Norvegio, Portugalo, Greklando, Turkio, Albanio, Irlando, Danzig, Azio kaj Centra Ameriko. Ne sendas unue.

**Gherla.** S-ro A. Babos, Liceo Petru Maior, PI, PK kĉl.

**Oradea-Mare.** S-ro Hugo Magyari, str. Denusianu 8, PM, PI, L pri geografio, historio, kulturo kĉl., escepte Hungario kaj Rumanio.

**Targu-Mures.** S-ro Teodor Stefaniu, oficisto, Oficiul Postal, PI kĉl., precipe kun poŝtoficistoj.

### Soveta Respubliko.

**Moskvo.** S-ro A. Prager, Box 605, PK, L kun fotografistoj ĉiulandaj por organizi internacian asocion de fotografistoj, PI bfl.

### Sudslavio.

**Komiža.** S-ro Ante Vitaljić, PI, PK kĉl.

**Negotin (Krainski).** S-ro Teodoro Gnedovsky, profesoro de gimnazio, PM laŭ Yvert kaj Michel kĉl.

**Sremska Mitrovica.** F-ino Dragica Kraus, Niska ul., L, PI bfl kun Hispanujo, Palestino kaj Oriento.

### Urugvajo.

**Montevideo.** S-ro Julio M. Guinovart, Str. Washington 217, D|68, PI kĉl., PM de Azio kaj Oceanio.

### Usono.

**Los Angeles** (Cal.). S-ro P. Tobi, 1312 West 61 Street, PM nur valorajn kĉl.

**Moundsville** (West Virginia). S-ro Herbert M. Scott, redaktoro de „Amerika Esperantisto", PM prefere kun eksterеŭropanoj aŭ multhavuloj. Ne sendas unue. Rekomendigu.

**Philadelphia** (Pa.). Klubo de junaj studentoj deziras korespondadon kĉl. kaj ĉiuj temoj. S-ro S. J. Hunt, 5525 Catherine Street.

**Philadelphia** (Pa.). S-ro Wash Hudson, 4312 Aspen Street, PI, L esperante, angle, france, interŝanĝos saman valoron da PM, kolonioj de Eŭropo prefere.

**Wauwatosa** (Wisc.) S-ro Fred A. Hamann, instruisto, PI bfl kaj propagandiloj.

---

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Birdkulturistoj** (gekokoj ktp.), precipe danaj, anglaj kaj amerikaj, estas petataj korespondadi kun Tutruslanda Societo de Birdedukado kaj Agrikulturado. Adr. S-ino Olga Prager, kasistino de filio en Saltikovska-Daĉnaja, U.S.S.R., Oktobra str. 63.

**Ekspozicio.** Bonvolu tuj sendi (donace) objektojn ĉiuspecajn por nia Esperanto-ekspozicio, okazonta en aŭtuno. Adreso: Esperanto-Vereinigung Potsdam, Hessestrasse 1, Germanio.

**Filatelistoj!** Sendu 500—2000 PM plej diversajn el via lando, vi ricevos saman kvanton el Finnlando. Mi ne sendas unue. Redaktoro Onni Volanto, Vaasa, Finnl.

**Filatelistoj!** Interŝanĝoj kun komencantoj kaj mezaj kolektantoj. Vi ricevos la saman kvanton egalvalore. S-ro Ernest Mentha, Croix d'or 23, Genève.

**Gazetoj.** Mi deziras interŝanĝi nacilingvajn ĵurnalojn kaj gazetojn kun francaj samideanoj. S-ro Lorenco Illingworth, Turnivalstrato, Narrogin, Okcidentaŭstralio.

**Gesamideanoj!** Oni intencas krei tutmondan agentejon por pagotaj informservoj. Gajno laŭ laboro. Skribu (prefere kun respondkupono aŭ marko) al François Jarušek, 34 Grande Rue de la Guillotière, Lyon, Franc.

**Gramofon-Diskoj** en Esperanto parolitaj de D-ro Privat. Petu detalojn senpage ĉe la Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, London W. C. 1, Anglujo.

**Importo** — Eksporto — Riprezentanto — Karbkomerco. Adr.: Magazzino Lombordo, G. Verdi 25, Brescia (Italio).

**Komerca kunlaborado.** Mi serĉas en ĉiu lando, prefere neeŭropaj, korespondistojn por akiro (interŝanĝado) de adresoj, speciale komercistoj (importistoj de ludiloj, lerniloj, vitraĵinstrumentoj kaj aliaj hejmindustriaĵoj de Thüringen. Kompenso laŭ interkonsento. Skribu al Bernhard Petz, Coburg, Germanio, Bahnhofstr. 33.

**Komerca okupado** serĉas serioza komercisto kun 30-jara praktiko, por la organizado de gravaj aferoj, ekonomioj, farmkulturoj ktp. Esperanta, angla, germana, rusa korespondado. Bonvolu skribi al P. Palm, Hamburg 21, Uhlenhorsterweg 22.

**Malnovaj numeroj de „Esperanto".** Mi bezonas numerojn 1—10, 12—28, 31, 44, 48, 50, 68, 141, 146—148, 173, 174, 176, 178—184, 193, 194, 222, 223, 227, 233, 248 kontraŭ aliaj malnovaj numeroj de „Esperanto", „Esperanto Triumfonta", PM de Latvio, PI aŭ io alia dezirata. S-ro T. Indra, Pk. 475, Riga, Latvio.

**Peto.** Juna dana 19-jara esperantisto, kiu en Aŭgusto intencas vojaĝi al Germanujo, Ĉeĥoslovakujo kaj eble ankaŭ Aŭstrio, sed al kiu ankoraŭ mankas la necesaj monrimedoj por tio, petas la samideanojn pri kunhelpo por povi entrepreni la vojaĝon. Ankaŭ se amikaj samideanoj en la nomitaj landoj estos pretaj akcepti lin, tiajn proponojn estas akceptataj kun granda dankemo. Oni estas petata turni sin al delegito, S-ro bibliotekisto Chr. Heilskov, Rygaards Allé 78, Hellerup, Danujo.

**Poŝtmarkojn** de la estinta Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio kaj aliajn, ankaŭ PI de urboj interŝanĝas Antonín Franěk, okulta mediumo, Písek, Pražská 166 (Ĉeĥoslovakio).

**Sigelmarkojn** esperantajn interŝanĝas kaj sendas ankaŭ tiajn kontraŭ uzitaj PM. Adr: Franz Mayer jun., Goldenöls, P. Gabersdorf B. Trautenau, Ĉeĥoslovakio.

---


**Ĉu vi jam abonis?**

**„OOMOTO"**

**monata gazeto esperanta.**

„Oomoto" estas la nova spirita movado, kiu celas venigi la mondon morale unuigitan per Dia gvido plena je amo, kaj decide kompletigi la reformon kaj rekonstruon de la mondo.

En ĉiu numero de la gazeto aperas la tradukaĵoj de la rakonto el la Spirita Mondo elparolita de S-ro Onisabra Deguĉi: „Diaj Vortoj".

**Jarabono: Jeno 2.40, Sv. Fr. 4.80 kaj ĉiu egalvaloro.**
(Sendu per poŝtmandato.)

*Senpagan specimenon petu de la Oficejo.*

**Oomoto Propaganda Oficejo**
**Kameoka, Kioto-fu, Japanlando.**

